


N-ro 1

Bern, la 10-an de Decembro 1946




# VOKAS VIN!

Oficiala Kongres-Gazeto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 26-a Julio – 2-a Aŭgusto 1947 – Bern – Svislando

Eldonas Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 20. – Aperas laŭ bezono

## Ni kunlaboru por la paco!

Jam pasis ok jaroj depost mi komencis la organizan laboron por la 31-a Universala Kongreso de Esperanto. Por ĉiuj partoprenintoj de tiu lasta paca kongreso, kaj nepre ankaŭ por mi, la tagoj de la 25-a de Julio ĝis la 5-a de Aŭgusto 1939 restas neforgeseblaj. Nur kelkaj semajnoj post kiam, dum la fina kunsido de la kongreso, la granda flago de nia Esperanto-movado malleviĝis, la terurega milito ekbrulis, kiu disigis nin dum jaroj kaj kiu alportis nemezureblan suferadon en la mondon kaj al la tuta homaro. Teruraj estas la vundoj kaŭzitaj de la mondmilito, kaj jardekoj pasos, ĝis kiam ili eĉ nur parte estos cikatritaj. Sed la konscienco de la mondo neniam plu forgesos ĝin. La historio konstante sur siaj folioj brulsignos ĝin kiel unu el la plej grandaj krimoj, kiuj iam ajn estis faritaj.

Ni Esperantistoj estas pacemaj. Sed, pripensante kio okazis, ĉu ni ne devas konfesi, ke ni ankaŭ estas iel kulpaj pri tiom da sango, tiom da larmoj! Nia celo ĉiam estis la monda paco. Konstante ni deziregis kontaktigi la popolojn, kunigi ilin kaj sur la bazo de nia lingvo stimuli la reciprokan komprenemon. Cetere ja ankaŭ ĉiuj simplaj homoj celis la pacon. Sed, ĉu ni ĉiuj sufiĉe agis en ĉi tiu senco? Ĉu nia Esperanto-movado ne devus esti multe pli granda kaj forta? Ĉu ĝi ne jam devus esti tiel forta, ke ni efike povus kunkonstrui la pacon? Mi timas, ke ni ne sufiĉe energie laboris pri la stimulo de niaj celoj.

Pro tio mi estas feliĉa, ke la I.E.L. intencas dediĉi la 32-an Universalan Kongreson de Esperanto unuavice al la propagando. Ni fine kaj nepre devas trovi la vojon, kiu ebligos garantii al Esperanto la publikan aprobon. La registaroj de ĉiuj landoj komprenu, ke ni – almenaŭ en la publikaj rilatoj inter la nacioj – devas paroli la saman lingvon, kiu ebligas, ke ni efektive komprenas unu la alian. Neniu el ni dezirus, meti la naciajn lingvojn en la duan rangon; ili estas parto de la kulturo de niaj landoj. Sed, ĉe la komuna tablo de la nacioj ni devas posedi la lingvan ponton, kiu interproksimigas la reprezentantojn de la nacioj, same kiel ni Esperantistoj sentas nin komuna familio.

Ni certe ne atingos la deziritan sukceson, se ni ne akiros ankaŭ aliajn helpantajn trupojn. Unuavice mi pensas pri la junularo, kiu estas entuziasma kaj akceptema. Pro la konscie anoncita celo, garantii la pacon, la junularo nepre helpos. Sed helpadi ankaŭ devas ĉiuj komercistoj kaj firmestroj, al kiuj la avantaĝoj de nia Esperanto por la internacia trafiko nepre devus esti memkomprenebla. Ĉi tiuj problemoj ja devos okupi nin dum la proksima kongreso. Ni ja ankaŭ devos priparoli, kiel ni procedos, kiel ni garantios la rimedojn, kiujn ni bezonos por ĉi tiu grava laboro. Krome ni mem estu pretaj, solidare stimuli la bonon, kiun ni defendas. Ĉar ĉiu sukceso dependas de ni Esperantistoj!

Mi do tre deziras, ke ne nur centoj, sed miloj aliĝos al la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern. Ĉiu viro, ĉiu virino do devus ĉe la kongreso akiri kaj kunporti hejmen la entuziasmon, energie labori por la venko de nia ideala afero. En la Loka Kongresa Komitato ni kuraĝe akceptis tre gravan laboron. Ĝi dependas de la multaj malfacilaĵoj kaj komplikaĵoj en la internaciaj rilatoj, kvankam ja 1½ jaroj pasis depost la milito. Sed, fidante nian taskon, ni senlace laboradas en la konvinko, ke malfacilaĵoj ekzistas por esti venkotaj. Ni ilin venkos, ĉiujn barojn de la katenita internacia pagmaniero, ĉiujn malfacilaĵojn rilate la pasportoj. Mi opinias, ke mi hodiaŭ povas promesi al vi, ke la Berna kongreso estos bone organizita kaj bela.

Aliĝu do frutempe. Per tio vi tre helpos nin, karaj amikoj en la tuta mondo. En ĉi tiu unua numero de la Kongresa Gazeto ni donas al vi kiel eble plej multe da informoj, por ke vi povu prepari vin. Sed ni urĝe konsilas al vi, ne atendu tro longan tempon por aranĝi vian vojaĝon al Bern. Ni sufiĉe frutempe devas povi garantii loĝadon kaj nutradon. Ni kiel eble plej frue devas ordigi la transportilojn por la ekskursoj. Kaj ni deziras ankaŭ pretigi ĉion ceteran tiel, ke la Berna kongreso estos monda manifestado por nia celo, pri kiu oni parolos kaj kiu sukcesigos nian entreprenon.

En ĉi tiu senco ni jam nun kore bonvenigas tiujn, kies aliĝon ni posedas, sed samtempe ankaŭ ĉiujn, kiuj intencas partopreni en la 32-a Universala Kongreso de Esperanto.

Ni ankaŭ nepre kaj kore devas danki al la I. E. L., kiu al Svislando, la urbo Bern kaj la L.K.K. denove konfidis la organizadon de la kongreso. Se tiu laboro ankaŭ estas malfacilega, ni tamen fieras, ke ni tiamaniere povas servi kaj subteni nian Esperanto-movadon. Ni ĝojas, ke la nova batalo por niaj celoj venas el la pacema Svislando, kaj ni esperas, ke sukcesos la komuna volo de ĉiuj Esperantistoj kaj ilia sindonemo al niaj klopodoj. En tiu konvinko ni vokas vin:

Venu al Bern! Ĝis revido en la kongreso!

H. Buchli, Prezidanto de la L.K.K.

# Provizora kongresprogramo

**Vendredo, la 25-a de Julio.**
Kongresoficejo en la ĉefstacidomo: vizitebla 9.00 ĝis 22.00.
Post via alveno en la stacidomo, ne forgesu eniri la oficejon por havigi viajn dokumentojn kaj informojn.

**Sabato, la 26-a de Julio.**
Kongresoficejo en la ĉefstacidomo: vizitebla de 8.00 ĝis alveno de la lastaj trajnoj.
15.30 Kunsido de IEL kaj LKK en Hotelo Bristol, unua etaĝo, ĉambro n-ro 10.
Poste vizito de la kongresejo (Kazino).
20.15 Interkonatiĝa vespero en Kursaal.
Ni petas, ke ĉiuj kongresanoj venu tien kaj se eble en naciaj kostumoj.
Eniro kontraŭ prezento de la kongreskarto.

**Dimanĉo, la 27-a de Julio.**
Kongresejo: Kazino, vizitebla 9.00–18.00.
9.00 Malfermo de la kongresa poŝtejo en Kazino.
10.00 Solena malfermo de la kongreso en la granda salono de Kazino. Jenaj estos invititaj: La Svisa Registaro, la Registaro de Kanton Bern, la Konsilantaro de la komunumo Bern, la Burĝa Konsilantaro en Bern, la diplomatoj kaj la honoraj gastoj.

**Programo:**

1. Orgenludado.
2. Parolado de la LKK-Prezidanto.
3. Parolado de reprezentanto de la Berna Registaro.
4. Festparolado de la prez. de IEL, generalo Bastien.
5. Orgenludado.
6. Elekto de la kongresprezidanto kaj de la kongreskomitato.
7. Parolado de la reprezentantoj de la diplomataro.
8. Mallongaj salutoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj.
9. Ĝeneralaj informoj.
10. Komuna kantado kun orgenludo: Esperanta himno.

Eniro kontraŭ prezento de la kongreskarto.
14.00 Solena Esperanto-diservo en Münster.
20.00 Kunsido de IEL-estraro.
Posttagmeze: Komencas la rondveturadoj kun montrado de Bern.

**Lundo, la 28-a de Julio.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–18.00.
9.00 Fakaj kunsidoj.
10.00 Unua laborkunsido de la kongreso en la granda salono.
14.30 Fakaj kunsidoj.
15.00 Kunsido de IEL-komitato.
Antaŭ- kaj posttagmeze: Rondveturadoj tra Bern.
Tuttaga ekskurso al Jaun-pasejo.
Posttagmeze: Ekskurso al Schwarzsee. (Nigra Lago.)
20.30 Esperanto-teatraĵo en la granda salono de Alhambra.

**Mardo, la 29-a de Julio.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–18.00.
9.00 Fakaj kunsidoj.
10.00 Dua laborkunsido (granda salono).
14.00 Fakaj kunsidoj.
15.00 Kunsido de IEL-komitato.
Antaŭ- kaj posttagmeze: Rondveturadoj tra Bern.
Tuttaga ekskurso al Susten-pasejo.
Posttagmeze: Ekskurso al Corniche.
Posttagmeze: Ekskurso sur la Niesen-monton.
20.30 Esperanto-teatraĵo en la granda salono de Alhambra. (Ripeto)

**Merkredo, la 30-a de Julio.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–18.00.
9.00 Fakaj kunsidoj.
10.00 Tria laborkunsido (granda salono).
Antaŭ- kaj posttagmeze: Rondveturadoj tra Bern.
Tuttaga ekskurso tra vilaĝoj kaj urboj.
Tuttaga ekskurso al Jungfraujoch, unua grupo.
Posttagmeze: Ekskurso al Chasseral.
20.30 Prelegvespero de Esperanto-verkistoj.

**Ĵaŭdo, la 31-a de Julio.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–18.00.
9.00 Fakaj kunsidoj.
10.00 Kvara laborkunsido (granda salono).
15.00 Kunsido de IEL-komitato.
Antaŭ- kaj posttagmeze: Rondveturadoj tra Bern.
Tuttaga ekskurso al Col de Pillon.
Tuttaga ekskurso al Jungfraujoch, dua grupo.
Posttagmeze: Ekskurso al Trümmelbach.
20.30 Kongresbalo en Kazino.

**Vendredo, la 1-a de Aŭgusto.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–18.00.
9.00 Fakaj kunsidoj.
Antaŭ-kaj posttagmeze: Rondveturado tra Bern.
Tutan tagon: Granda Jura-veturado.
Tuttaga ekskurso al Jungfraujoch, tria grupo.
Posttagmeze: Ekskurso al 3 lagoj.
20.30 Koncerto en la granda salono en Alhambra.

**Sabato, la 2-a de Aŭgusto.**
Kongresejo vizitebla: 9.00–12.00.
9.00 Solena fermo de la kongreso.
Tutan tagon: Granda transalpa veturado.
Posttagmeze: Ekskurso al Emmen-valo.

Por la postkongresa semajno estos aparta programo ellaborita.

La programo de la diservo por la Protestantoj, Katolikoj kaj Izraelitoj estos publikigata poste.

## Karaj Amikoj, Esperantistoj, Kongresanoj!

**La jaro 1946 — la unua jaro sen milito — finiĝas nun. Ni ne forgesu deziri al vi ĝojan Kristnaskon kaj nia deziro antaŭ ĉio por la venonta jaro estas, ke ni ĉiuj kuniĝos. Ĝi donu al ni ne nur feliĉon kaj prosperon, sed ankaŭ havigu al nia afero la finan mondsukceson meritatan.**

**La unua postmilita kongresjaro 1947 signifas multe por la Esperanta movado, ĉar dependas de la venonta kongreso, ĉu el ĝi eliros konvinka forto por venki la kontraŭaĵojn. Ĉiu nin helpu! Venu al la kongreso! Niaflanke ni faros nian eblon. LKK.**







La mezepoka urbo Bern, nia kongresurbo, vidata de aeroplano

# Kiel Svislando travivis la militon

Kiam post katastrofa tempo renkontiĝas la malnovaj amikoj ili demandas unu la alian: „Kiel vi postvivis tiun tempon, kio okazis al vi, kaj kiel vi fartas nun?“ Tiu estos la tipa situacio, kiam en la venonta somero la unuan fojon post ok jaroj la esperantistoj, kiuj saviĝis el la urugano denove renkontiĝos en Bern kaj interparolos kiel en la antaŭa tempo. Se ni ĉi tie nun anticipas la respondon, kiun svisa samideano donos al demandanta eksterlanda amiko, ni bone konscias, ke la svisaj spertoj dum la lastaj jaroj laŭ graveco ne povas esti komparataj kun tiuj de aliaj nacioj, sed ni pensas, ke certe la vojaĝontoj al la kongresa lando havas ioman intereson sciiĝi, kiel ĝi travivis la militon kaj en kiu situacio ĝi troviĝas hodiaŭ. Ni tamen ne volas komenci nian rakonton sen ekskuzi nin ĉe niaj eksterlandaj samideanoj en landoj, kiujn la milito trafis kun sia tuta krueleco, pro tio, ke ni nun parolas pri ni mem. Ni volas antaŭ ĉio esprimi al ili nian simpation kaj respekton pro ilia kuraĝa sinteno kaj certigi ilin, ke konstante ni pensis dum la milito pri la malfeliĉa sorto de aliaj popoloj, kiuj senkulpe estis atakataj de la malamiko kaj devis suferi la tormentojn de la okupado.

Ni ankaŭ scias ke la aliaj popoloj ofte pensis en tiuj tempoj pri Svislando konsiderante ĝin kiel paradizan insulon de la paco; iuj eble havis envion, aliaj spertis konsolon pensante ke tamen ekzistas ankoraŭ lando, kie ne regas la leĝo de la armiloj kaj kie la libera parolo ankoraŭ vivas malgraŭ ĉiuj minacoj. Malmultaj tamen verŝajne konsciis, ke Svislando ne estas tiel ideala lando, kiel ili pensas, kaj ke ĝi ankaŭ devis adaptiĝi al la kruela realeco de sia ĉirkaŭaĵo. La ĉiopotenca milito formis la karakteron ankaŭ de la vivo de la neŭtralaj landoj; en tiu rilato la cirkonstancoj estis sufiĉe similaj en Svislando kaj en Svedlando.

Kiam vi en la venonta somero vojaĝos tra Svislando por atingi la kongresan urbon kaj rigardos el la vagonaro la belaĵojn de la pejzaĝo, vin certe surprizos vidi meze de idila regiono modernajn fortikaĵojn. Pli detala observado dum pluraj vojaĝoj malkaŝus al vi, ke laŭplane ĉiuj alirvojoj al valoj kaj aliaj gravaj strategiaj punktoj estas fermitaj de fortikaĵoj, kontraŭtankaj muroj kaj fosaĵoj. Multaj kazematoj estas kun granda arto enkonstruitaj en la rokoj de la montaro. Ĉi ĉio estas konstruita dum la lastaj jaroj, kvankam jam antaŭe kaj el la unua mondmilito ekzistis multaj montaj fortikaĵoj. Tio estas la nun ankoraŭ videblaj restaĵoj el la milita epoko, sed se vi estus povintaj veni al Svislando en la jaroj de la milito, vi estus povintaj observi, ke daŭre granda parto de la popolo, je certaj momentoj eĉ la kompleta armeo troviĝis en la uniformo, preta, pretega por defendi la patrujon kontraŭ la minacanta malamiko. Ne necesas diri kiom da personaj oferoj postulis tiu mobilizado. Hodiaŭ post la milito estis malkaŝitaj kelkaj faktoj, kiuj pruvas nun, ke vere la milito kontraŭ Svislando nur en la lasta momento ankoraŭ estis haltigata, kaj oni ankaŭ scias, ke la decidon de la germanoj grave influis la ekzisto de bone armita svisa armeo kaj la scio, ke ĝi nepre defendos la propran sojlon. En somero 1940 kaj en printempo 1943 la danĝero de atako pasis tiel proksime de Svislando ke oni nun rajtas paroli pri granda bonŝanco kaj sentas kiel homo kiu sukcesis transiri glaciiĝintan lagon aŭdante la rompiĝeman glacion kraki sub siaj piedoj.

La centra situo de Svislando kaŭzis al ĝi, ke ĝi tre konkrete devis senti la militon mem. Pro sia neutraleco Svislando devis nigrumi ĉiujn stratojn kaj domojn samkiel la militantaj landoj. Tamen milojn da fojoj fremdaj aeroplanoj flugis super svisa teritorio. Svisaj ĉasaviadiloj kaj la kontraŭaeraj kanonoj batalis kontraŭ ili kiom ili povis kaj paffaligis proksimume centon da ili. Okazis ankaŭ ke fremdaj aeroplanoj ne nur kontraŭleĝe superflugis Svislandon sed eĉ ĵetis siajn bombojn sur svisajn vilaĝojn kaj urbojn, pensante ke estas malamika teritorio. Multe da svisaj domoj detruiĝis tiamaniere kaj kelkcent da personoj estis mortigataj. La plej granda malfeliĉo estis la bombado de Schaffhausen la 1-an de aprilo 1944, kiam en unuminuta aeratako 39 personoj estis mortigataj.

La konstantaj mobilizadoj ja sufiĉe ŝanĝis la vivon de la unuopaj homoj, sed estas ankoraŭ io alia, pro kio la tuta popolo, ne nur la viroj, sentis tre bone la efikon de la milito, tio estis la nutrado. Svislando pro la multaj senfruktaj montaraj regionoj ne povas produkti sufiĉe da nutraĵoj por siaj kvar milionoj da enloĝantoj, sed ĝi importas nutraĵon interŝanĝe por siaj industriaj produktoj. Ne necesas klarigi, ke tiu importado estis pro la milito ege malfaciligata, dum kelka tempo eĉ tute malhelpata. Svislando provis helpi sin mem per pligrandigo de la kulturata tereno. Dum Svislando antaŭ la milito havis 170.000 hektarojn da agroj, ĝi pligrandigis la agrojn ĝis 350.000 hektaroj. Por tio oni igis kulturebla unuparte dezertan landon, marĉojn, faligis arbarojn kaj aliparte oni uzis kiel agrojn ĝisnunajn herbejojn. Pro la malgrandigo de la herbejoj la farmistoj ne plu povis bredi tiom da bestoj kaj la efiko estis grava malaltigo de la liverado de viando, graso, lakto kaj ĉio, kion oni faras el la lakto. Pro tio en la „lando de la fromaĝo“ eĉ la fromaĝo fariĝis malofta. Fakto estas, ke en Svislando la porcioj estis malpli grandaj ol en landoj kiuj partoprenis aktive en la milito, la porcio de pano estis eĉ unu el la plej malaltaj el Europo. Certa kompensado ekzistis en tio, ke feliĉe la rikoltoj de legomoj, fruktoj kaj terpomoj estis sufiĉe grandaj, tiel ke la svisa popolo neniam devis vere malsati, kvankam multaj personoj maldikiĝis. Krom la manĝaĵoj maloftiĝis ankaŭ la alia materialo. La industrio havis malfacilaĵon provizigi sin per fero kaj aliaj metaloj kaj tre senteBla estis la manko de karbo, oleo kaj benzino. Necesis porciigi ankaŭ la vestaĵojn kaj ŝuojn, sed tio hodiaŭ feliĉe estas venkita periodo. La porciigado de nutraĵoj restis kaj verŝajne ankoraŭ longe ne povos esti abolata, sed por personoj devantaj manĝi en restoracioj estas granda avantaĝo ke en gastama Svislando la porcioj por restoracioj estas multe pli grandaj ol por privatuloj, tiel ke eksterlandano sentas tre malmulte de manko. Multaj vojaĝantoj pro tio eĉ havas malĝustan impreson pri Svislando kaj rakontas en siaj hejmlandoj, ke en Svislando jam regas superfluo.

Rigardo pri Svislando dum la milito ne estus kompleta sen konsidero de la rifuĝula problemo. Pro tio ke Svislando estis la sola lando en centra Europa kie ne regis la germana teroro, ĝi estis la sopirata celo de ĉiuj persekutitaj personoj. Multaj homoj, kiuj pro siaj politikaj konvinkoj aŭ sia raso estis pelataj de la nazioj serĉis la vojon al Svislando, kaj multaj pereis antaŭ ili povis eniri la landon, kiun ili konsideris kiel sian lastan ŝancon. En Svislando tiuj rifuĝantoj kreis ne malgrandajn problemojn, ĉar oni devis loĝigi kaj nutri ilin. Krom la civilaj rifuĝantoj alvenis ankaŭ multaj soldatoj, en 1940 el Francujo, en 1943 precipe el angla kampejoj en Italio kaj en 1945 el ĉiuj flankoj. Entute 295.000 personoj pasis kiel rifuĝantoj tra Svislando. En tiu nombro estas entenataj 55.000 civilaj rifuĝantoj, 104.000 armeanoj kaj 60.000 infanoj, kiujn oni invitis al Svislando el suferintaj regionoj por ke ili povu refortikiĝi kaj ripozi. La akcepto sole de la civilaj rifuĝintoj kostis al Svislando ĝis nun la sumon de 100 milionoj da frankoj, tio ja estas granda sumo, kaj tamen tiel eta, se oni komparas ĝin al la kostoj, kiujn la tuta milito kaŭzis al Svislando: 9 miliardoj da frankoj, el kiuj 7 servis por la militistaro kaj fortikaĵoj kaj 2 por aliaj disponoj kaŭzitaj de la milito. Svislando estas fiera, ke ĝi povis helpi al persekutitaj malfeliĉuloj kaj multaj svisoj bedaŭras, ke la lando pro siaj propraj malfacilaĵoj ne povis esti ankoraŭ pli larĝanima al ili. La svisa popolo sentas la moralan devon helpi al tiuj, kiuj suferis nekompareble pli pro la milito ol ĝi mem. Eble ni rakontos alian fojon ion pri la laboro de la Ruĝa Kruco kaj la nuntempa helpado de la Svisa Donaco.

Ni estas kontentaj, se niaj eksterlandaj amikoj el ĉi tiu artikolo povis ĉerpi certan impreson pri la kondiĉoj de la vivo en dummilita Svislando kaj nun havas iom pli konkretan scion pri niaj cirkonstancoj.

*Arthur Baur.*

# Nia Tridekdua markos la sesdekjaran jubileon de Esperanto

En la jaro 1947 estos pasintaj sesdek jaroj depost la apero de la Unua Libro de d-ro Zamenhof. Nia proksima kongreso do estos kvazaŭ la sesdekjara naskiĝfesto de nia lingvo, kaj ni esperas ke ĝi estos digna manifestacio de tiu grava dato. Se ni kalkulas laŭ homaj generacioj, Esperanto nun jam travivis du generaciojn kaj eniros nun la trian. Esperanto atingis nun maturan aĝon kaj ni povas diri ke ĝi bone utiligis la pasintajn jarojn por lerni, kompletigi sin kaj evolui sian personan karakteron. Mi ne volas citi ĉi tie la sukcesojn, kiujn Esperanto jam atingis, el kiuj multaj jam velkiĝis, ĉar la politikaj renversoj ankaŭ ilin subakvigis, sed la internan evoluon de la lingvo kaj de la movado. Kiel lingvo Esperanto en la pasintaj sesdek jaroj fariĝis el projekto perfektaĵo, kiun eksternaj puŝoj jam ne povas influi. Venke Esperanto eliris el la reforma krizo de 1894 kaj netuŝite ĝi eliris la pli bruplenan delegitaran krizon de 1908. Tiuj reformemuloj ne ekkonis, ke Esperanto jam ne estis lingva projekto prilaborebla de ĉiuj flankoj, sed viva institucio, kiu iras sian propran vojon. El centoj da projektoj Esperanto sola eniris la praktikan vivon kaj en miloj da okazoj pruvis sian praktikan valoron. Ĉiu jaro, kiu pasas plifortigas tiun pozicion de Esperanto. Dum sia longa historio Esperanto fariĝis socia faktoro, kiun neniu povas preterlasi, kiu okupiĝas pri la lingva flanko de la internaciaj rilatoj. Interne la lingvo same profitis el sia longjara praktika uzado. El la malgranda libreto, en kiu la genia Zamenhof publikigis 1887 la skeleton de sia lingvo, kreskis vivoplena riĉa lingvo, kaj tiu evoluado okazis same kiel ĉe la nearte-faritaj lingvoj sur natura vojo: per la pliriĉigo de la stilo kaj de la vortaro, kiun ĉiu uzanto de Esperanto, sed precipe la grandaj verkistoj alportis al ĝi. Nia literaturo, nia gazetaro kaj niaj kongresoj – kiel parla-



En 1887 d-ro **Ludoviko Zamenhof** publikigis Esperanton. En 1947 ni jubileos pri la sesdekjara reveno de tiu dato

mentejoj – estas la ekzercadaj kampoj, sur kiuj Esperanto lernis kontentigi ĉiujn bezonojn, kiujn la moderna vivo postulas de kulturita lingvo.

Hodiaŭ ni disponas pri multe elprovita, fortika instrumento, preta por transpreni sur ankoraŭ multe pli larĝa bazo la funkciadon de peranto inter la popoloj, kaj en la praktiko kaj sur la ankoraŭ pli grava idea kampo de peranto inter la koroj de la disigitaj popoloj. Rerigardante sur la varioplena historio de nia lingvo ni okaze de ĝia sesdeka jubileo povos fieri pri la forteco, kun kiu nia lingvo transiris ĉiujn danĝerojn, kaj ni ekkonos kun danko al la unuaj du generacioj Esperantistaj, kiom pli forta estas nia nuna elirpunkto ol tiu de la unuaj propagandistoj, kiuj devis komenci sian laboron sen la valoraj spertoj kaj kolektitaj riĉaĵoj de la lastaj sesdek jaroj. *A. B.*



La Kazino, la kongresejo de la 32-a Universala kongreso de Esperanto en Bern 1947

# Unua informilo

**Loka Kongresa Komitato.**

*Prezidanto:* *H. Buchli, direktoro de berna trafikoficejo.*
*Vic-Prezidantoj:* *J. Gillard, Prez. S.E.S.*
*O. Walder, IEL Ĉefdelegito.*
*W. Streun, Prez. Berna Esp. Grupo.*
*1a Sekretario:* *O. T. Nicolaisen.*
*2aj Sekretarioj:* *E. Keiser.*
*F-ino A. Schweighauser.*
*Financoj:* *A. Hilfiker kaj H. Mollet.*
*Loĝejoj:* *H. Mollet, S-ino Fischer kaj D-ro Hebeisen.*
*Gazetaro:* *D-ro Arthur Baur.*
*Ekskursoj kaj amuzoj:* *C. Jaccard kaj H. Küttel.*

**Adreso por leteroj.** *32-a Universala Kongreso de Esperanto, Bundesgasse 20, Bern, Svislando.*

**Kongresejo.** *Kazino, t. e. la urba koncertejo.*

**Pagejoj.** *El multaj landoj oni povas pagi rekte al nia poŝtĉeka konto III 13732 aŭ al nia bankkonto ĉe Schweiz. Volksbank, Bern aŭ al IEL. Vidu specialan informon pri la pago ĉi-sube. En la venonta informilo ni esperas doni informon pri pagejoj en aliaj landoj.*

**Manĝaĵo.** *Ĉe la alveno al Bern ĉiu persono ricevos kuponaron por la manĝaĵoj en restoracioj en Bern kaj dum la ekskursoj, kiujn LKK aranĝos.*

**Vegetaranoj** *povas je la sama prezo kiel la aliaj manĝi en vegetara restoracio. Indiko sur la aliĝilo estas necesa.*

**Loĝejoj.** *Ĝustatempe ni sendos loĝmendilon al ĉiu kongresano kaj aron da loĝmendiloj al la Landaj asocioj. Sur alia paĝo de ĉi tiu gazeto vi trovos specialajn informojn pri la restado en Bern, kaj tie vi vidos, ke krom hoteloj kaj privataj loĝejoj ni esperas aranĝi komunajn malmultekostajn loĝejojn por junuloj kaj malriĉuloj.*

*La prezoj ne pli malaltiĝos, se du aŭ pluraj personoj loĝos en sama ĉambro.*

**Fakkunsidoj.** *Tiuj, kiuj volas aranĝi fakkunsidojn estas petataj sendi informon al ni kiel eble plej frue, kun indiko pri la supozebla nombro da ĉeestantoj.*

**Aliĝiloj.** *Haveblaj ĉe la Kongresa Oficejo kaj ĉe la Landaj asocioj. Nur aliĝilo kun samtempa pago validas.*

**Glumarkoj.** *Aĉetu niajn ĉarmajn glumarkojn. Prezo por dudek pecoj 1 internacia respondkupono aŭ 30 centimoj.*

**Donacoj** *helpas sukcesigi la kongreson, la LKK antaŭdankas al donacantoj.*

**Blinduloj.** *Konforme al la Kongresregularo de IEL blindulo kaj lia gvidanto ricevos senpagan kongreskarton ĝis la fino de Marto 1947; poste ili devas pagi kongreskotizon po 5.– sv. fr. La aliĝilo de blindulo devas esti subskribita de blindula organizaĵo, aŭ de kuracisto, aŭ de delegito de IEL.*

**Blindula kaso,** *helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato antaŭdanke akceptas donacojn por tiu kaso.*

**Dankon al donacintoj.** *Ni kore dankas la jenajn:*
*Ges-roj Guéritte, Surbiton, Britujo.*
*F-ino Hélène M. Monod, Morges, Svislando.*
*S-ino L. Tissot Martin, Basel, Svislando.*
*S-ro P. Le Brun, Kreuzlingen, Svislando.*

**Postkongreso.** *Ni provas aranĝi postkongreson, eble al Zürich, Montreux, Berna Oberland, Grizono (Engadin) kaj vojaĝon tra Svislando. Informo pri tiu aperos en venonta numero.*

**Karavanoj.** *Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj:*
*Britujo: BEA, 140, Holland Park Avenue, London, W.11, Federacio Esperantista, 368, Colne Road, Burnley, (Lancs).*
*Norvegujo: Turista komisio, Boks 942, Oslo.*
*Svedujo: Reso, Västmannagatan 1, Stockholm.*
*Danujo: Turisma oficejo, Havepladsvej 136, Fredericia.*
*Islando: La Esperantista Societo Aŭroro, Poŝtkesto 1081, Reykjavik.*

**Pasport-vizo.** *Por veturi al Svislando vi bezonos pasportvizon, kiun vi recevos ĉe Svisa Legacio aŭ ĉe la Svisaj Konsulejoj.*

**Vojaĝ-prezredukto.**
*La vojaĝ-prezredukto por Svislando estas pritraktata. En aliaj landoj estas ne-eble aranĝi ion pro la nuntempaj malfacialaĵoj.*

**Porciigado.** *Nur la manĝaĵo estas porciigata en Svislando, aliajn aĵojn vi povos aĉeti libere tiom kiom vi deziros.*

**Al informpetoj** *bonvolu aldoni internacian respond-kuponon.*

**Oficiala kongresgazeto.** *Ĉiu kongresano ricevos la oficialan kongresgazeton «Svislando vokas vin», ĝi aperos ĝis la kongreso. La lasta numero enhavos la raporton pri la kongreso. La unua numero estas multnombre forsendata kiel varbgazeto, nevizitontoj de la kongreso estas petataj transdoni ĝin al interesuloj aŭ anonci ties adreson al LKK. Abonprezo ĝis la kongreso sv. fr. 5.— (por ne-kongresanoj).*

**Teatra vespero:** *Teatraj grupoj, kiuj eventuale dum la kongreso povus prezenti teatraĵon estas petataj kiel eble plej baldaŭ korespondi kun la LKK.*

**Koncerto:** *Profesiaj muzikistoj, kiuj dezirus partopreni en la koncerto bonvolu turni sin al la LKK.*

**Aliĝoj.** *Ĝis la 6–12–1946 aliĝis 280 personoj el 19 landoj.*

## La kongresaj kotizoj

1. *Laŭ la regulo de Internacia Esperanto-Ligo la kongreskotizo devas esti pagata antaŭe. Jen la kotizo:*

| Ĝis | 31. XII. 46 | 31. III. 47 | Poste |
|---|---|---|---|
| *1. Kongres-kotizo . .* | *sfr. 25.–* | *sfr. 30.–* | *sfr. 35.–* |
| *2. Por la edzo aŭ edzino de Kongresano . . . . . . . .* | *sfr. 12.–* | *sfr. 15.–* | *sfr. 20.–* |
| *3. Por gejunuloj ne pli ol 20-jaraj . .* | *sfr. 10.–* | *sfr. 12.–* | *sfr. 15.–* |

2. *Pro la malfacilaĵoj de la devizo, estas necese, ke ankaŭ la kosto por loĝado, manĝaĵo kaj partopreno en la ekskursoj estu pagata antaŭe.*

3. *Ĉiu transpago estu pagota al iu banko por la konto de 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern per la Schweizerische Volksbank en Bern.*

4. *Ni sendas al ĉiuj landaj asocioj liston pri tiuj bankoj, kiuj havas kontakton kun la Schweiz. Volksbank en Bern. Tiuj staras al dispono por la kongresanoj per konsiloj pri la necesaj formalaĵoj por ricevi devizon kaj ili povos doni sciigon pri la tiamaj reguloj por devizo.*
*La transsendo de mono estas pritraktata kaj la rezultato aperos poste en la landaj Esperanto-gazetoj kaj en la kongresa gazeto.*

## Informoj pri la restado

La 32-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en la plej vigla turisma sezono. Pro la grandparte ankoraŭ malfacilaj cirkonstancoj en la landoj, partoprenintaj en la milito, Svislando estas de post la milito la preferata celo de alilanda publiko. Tio donas al la organizantoj de la kongreso tre malfacilan taskon. Hotelĉambroj estas malmultaj disponeblaj, eĉ ĉambroj ĉe privatuloj ne sufiĉas; sekve la plimulto de la kongresanoj devos kalkuli je ia amasa restejo, en lernejo aŭ kazerno, sed ĉiu persono ricevos sian propran liton.

Ankaŭ rilate la nutradon ekzistas malfacilaĵoj. Pro tio la Loka Kongresa Komitato devis fiksi la *aranĝon de la restado kaj nutrado kune*, por la tuta tempo de la 26-a de julio vespere ĝis la 2-a de aŭgusto posttagmeze. La aranĝo konsistas do en: tranokto, matenmanĝo, tagmanĝo, vespermanĝo kaj trinkmono (kaj ĉe hoteloj ankaŭ transporto de la pakaĵoj). Loĝontoj en privataj ĉambroj aŭ amasrestejoj povos laŭ elekto manĝi en diversaj restoracioj.

Jen la prezoj por la diversaj aranĝoj:

*ARANĜO A*

*HOTELĈAMBROJ:*

*Estas nur tre malmutaj ĉambroj, kiuj estos je nia dispono. Tiuj estos dividitaj en tri kategorioj:*

| | | |
|---|---|---|
| *Kategorio I* | *Luksa klaso por 7 tagoj* | *Sv. fr. 205.–* |
| *Kategorio II* | *Komforta klaso por 7 tagoj* | *Sv. fr. 155.–* |
| *Kategorio III* | *Modesta klaso por 7 tagoj* | *Sv. fr. 130.–* |

*Ni petas, ke tiuj kiuj deziras loĝi en hotelo, kie ili komprenehle ricevos pli da agrableco kaj komforto ol en ĉambroj ĉe privatuloj, sendu al ni kiel eble plej baldaŭ la konvenan mendon kaj zorgu ankaŭ, ke la konforma monsumo estos transpagata en svisaj frankoj al nia konto ĉe la Schweiz. Volksbank en Bern.*
*Ni ripetas, ke estos al ni eble disponigi hotelĉambrojn nur al certa grado kaj nur al tiuj, kiuj plej frutempe mendos kaj antaŭpagos.*

*ARANĜO B*

*ĈAMBROJ ĈE PRIVATULOJ:*

*Krom la hotelĉambroj ni disponos pri kelkaj cent ĉambroj ĉe privatuloj. Ankaŭ ĉi tie ni estas devigataj fari kolektivan prezon, kiu valoras por 7 tagoj. En tiu prezo estas enkalkulita: ĉambro, matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo. Multaj tre bonaj Bernaj restoracioj estos je la dispono laŭ deziro kaj elekto.*
*La prezo de tiu aranĝo estos sv. fr. 120.–*

*ARANĜO C*

*AMAS-RESTEJO:*

*Je nia dispono estos plur-centoj da litoj en lernejoj kaj kazernoj. Rilate la nutrado troviĝas du solvoj:*
*Kategorio I*
*Restejo kiel skribita kun servado kaj nutrado en bonaj Bernaj restoracioj laŭ propra elekto (matenmanĝo, tagmanĝo, kaj vespermanĝo).*
*Tuta prezo sv. fr. 110.–*
*Kategorio II*
*La sama kiel supre rilate la restejo, sed pli modesta nutrado troviĝas en similaj restoracioj.*
*Tuta prezo sv. fr. 85.–*

*ARANĜO D*

*TENDKAMPO:*

*Ĉe Bern troviĝas bela kaj bona tendkampo, nur 2 km. de la Kongresejo en Eichholz. Por eksterlanduloj ĝi estas tute senpaga. Pro la nuntempa porciigado de la manĝaĵo en Svislando la tendumanto ne povos aĉeti krudan manĝaĵon kaj prepari tiun mem, ĉar turistoj ordinare ricevos nur porciigan rajtigilon por restoracioj. Do, ili devos manĝi en restoracioj.*
*La manĝaĵoj kostas (kun trinkmono):*
*Kategorio I 3 manĝoj sv. fr. 13.– (Nur tag- kaj vespermanĝo sv. fr. 11.–)*
*Kategorio II 3 manĝoj sv. fr. 11.– (Nur tag- kaj vespermanĝo sv. fr. 9.–*

*Oni ricevas mendilon de la landa asocio kaj de LKK-sekretariejo.*

Baldaŭa aliĝo al la kongreso kaj baldaŭa mendo de ĉambro, ĉu en hotelo, ĉu ĉe privatuloj, ĉu en amasrestejo estas necesa, kaj la kongreskomitato povas garantii pri la restado dezirata de kongresano nur, se li sekvas la instrukciojn. Ankaŭ pro tio estas rekomendinde aliĝi frutempe, ĉar en multaj landoj estas devizaj malfacilaĵoj, kaj oni devas ĝustatempe klopodi pri la necesaj permesoj. Samtempe kun mendo de unu el la supre cititaj kategorioj oni pagu la tutan monsumon al iu banko, por la konto de la 32-a Univ. Kongreso de Esperanto 1947 en Bern, per Schweiz. Volksbank en Bern.

# Informoj pri la ekskursoj

La kongresa urbo situas en la mezo de Svislando kaj pro tio ĝi estas la plej taŭga centro por ekskursoj en tiu montara lando. La Loka Kongresa Komitato intencas aranĝi plurajn ekskursojn dum la kongreso. Dum la restado en Bern vi povos ne nur partopreni en la kongreso mem, sed ankaŭ fari ekskursojn, kiuj estos neforgeseblaj kaj ĝuplenaj. La ekskursoj ampleksas grandan parton de la belega Svislando, kaj ni montros al vi la plej belajn regionojn.

Unue vi kompreneble devos vidi la admirindan, malnovan urbon Bern, kiu estas unu el la plej belaj urboj en Eŭropo. Laŭ la aspekto ĝi similas al urbo de mezepoko kun pluraj domoj en gotika kaj baroka stiloj. *Ĉiutage* ni aranĝos *rondveturadojn* en komfortaj aŭtobusoj kun lertaj gvidantoj. Tiu interesa veturado daŭros dum du horoj, kaj vi havos agrablan kaj valoran veturadon.

*Veturprezo:* Fr. 5.– po persono.

Plie vi havos la eblecon ĉiutage partopreni en iu *posttagmeza* aŭ en iu *tuttaga ekskursoj*. Jen niaj proponoj al vi:

*Posttagmezaj ekskursoj:*

1. *Schwarzsee.* (Nigra Lago.) La veturo kondukas tra la Bernaj antaŭaj Alpoj en la mezon de la sovaĝa regiono de la Bernaj- kaj Fribourgaj Alpoj, inter la lastaj troviĝas la romantika Nigra Lago.
*Veturprezo:* Fr. 12.– po persono.

2. *Corniche.* Belega veturo trans unu el la plej mirindaj mont-terasoj, belega elrigardo, vidaĵo kiu leviĝas pli kaj pli alten al la pintaj Alpoj.
*Veturprezo:* Fr. 9.– po persono.

2b. *Niesen-veturado.* Per la fervojo al Mülenen laŭlonge la lago de Thun kaj kun ŝnurfervojo al unu el la plej valoraj elrigard-montoj de la Berna Oberland kun la panoramo de la montegaro de Jungfrau- kaj Blümlisalpgrupoj.
*Vojaĝprezo:* Fr. 12.– po persono.

3. *Chasseral.* Veturo sur bela monta lago en Jura, tra Taubenloch-abismo kaj sur Chasseral, kun grandioza rondrigardaĵo sur la Svisa Mezlando kaj la Alpoj.
*Veturprezo:* Fr. 13.– po persono.

4. *Trümmelbach.* Unu el la plej belaj veturoj en la koro de la Berna Oberland al la akvofalo de Staubbach, al la akvofalo de Trümmelbach kaj al la glaciaro de Grindelwaldtal.
*Veturprezo:* Fr. 14.– po persono.

5. *Ekskurso al 3 lagoj.* Ŝatata veturo al la lagoj de Murten kaj Neuchâtel, reveturo tra la historia urbo de Laupen.
*Veturprezo:* Fr. 9.50 po persono.

6. *Ekskurso al Emmen-valo,* al la plej konataj, riĉaj vilaĝoj de Emmen-valo kun ĝiaj imponaj kamparandomoj.
*Veturprezo:* Fr. 10.– po persono.

*Tuttagaj ekskursoj:*

1a. *Jaun-pasejo.* Tre valora rondveturado de Bern al la Lago de Thun tra la bela Simmen-valo kaj Saanenland trans la Jaun-pasejo en Greyerzerland al Gruyères (vizito al la malnova kastelo) kaj trans Broc (ĉokoladfabriko Cailler) kaj Fribourg (mezepoka urbo) returne al Bern.
*Veturprezo:* Fr. 15.– po persono.



**Kornhaus-ponto**, la malnova urboparto kun la Berna katedralo kaj rigardo al la Alpoj

2a. *Susten-pasejo.* Veturo trans la tute moderne konstruita kaj plej bela pasejo inter la Berna Oberland kaj la Kantono de Uri, kun reveturo tra Luzern laŭlonge la Kvarkantona Lago.
*Veturprezo:* Fr. 28.– po persono.

3a. *Ekskurso tra urboj kaj vilaĝoj.* Veturo tra belaj malnovaj urboj de la Berna Mezlando kun konduko tra Fribourg, Payerne, Murten, Estavayer, Yverdon kaj Neuchâtel.
*Veturprezo:* Fr. 18.– po persono.

3b. *Jungfraujoch.* Per fervojo en la valo de Lauterbrunnen, kun la Wengernalp-fervojo al la Malgranda Scheidegg kaj kun la plej alta fervojo en Eŭropo al la alteco de 3456 m., en la mezon de la grandioza glaciaro kaj de la gigantaj montoj.
*Vojagprezo:* Fr. 45.– po persono.

4a. *Col de Pillon.* Tre bela veturo tra la montara regiono de Simme kaj Saanenland, kaj trans Col de Pillon (Pillon-pasejo) al Montreux ĉe la bela lago de Genève.
*Veturprezo:* Fr. 20.– po persono.

5a. *Granda Jura-veturado.* Tra Biel kaj la romantika sovaĝa Pierre-Pertuis al la granda horloĝfarista vilaĝo en Jura kaj al la impona kruta kluso de Saut du Doubs. Reveturo tra Vue des Alpes kaj Neuchâtel.
*Veturprezo:* Fr. 17.– po persono.

6a. *Granda transalpa veturado.* Unika veturo laŭlonge la lagoj de Thun kaj Brienz, trans Grimsel-pasejo al Rohne-glaciaro, trans Furka-pasejon al Schöllenenkluso kaj laŭlonge la Kvarkantona Lago, returne tra Luzern.
*Veturprezo:* Fr. 30.– po persono.

En tiuj ekskursoj vi sentos vin hejme inter nur esperantistoj. Ĉar la kongreso okazos dum la plej vigla turistsezono, ni estos devigataj antaŭmendi la aŭtobusojn kaj la trajnojn. Ni petas vin, ke vi kiel eble plej frue sendu la mendilon al ni, kaj se eble ankaŭ la monon samtempe. Vi helpos al la Loka Kongresa Komitato, se vi tuj aŭ almenaŭ plej malfrue, la 31-an de Marto 1947, sendos la tutan monsumon. Ni tamen akceptos aliĝilon, se vi povos sendi almenaŭ 25% de la tuta sumo kune kun la mendilo.

Ni bezonos apartan mendilon por ĉiu kongresano.

Sciigon pri la ekveturo, loko kaj reveno de la ekskursoj vi ricevos ĉe la kongresoficejo dum la kongres-semajno.

Kompreneble, kiam okazas kelkaj ekskursoj dum unu tago, oni povas partopreni nur *unu* el la ekskursoj.

Oni ricevas mendilon de la landa asocio kaj de LKK-sekretariejo, 32-a Universala Kongreso de Esperanto, Bundesgasse 20, Bern, Svislando.

# Unua listo de kongresanoj

1. Int.-Gen. L. Bastien, Paris Francujo.
2. C. C. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
3. S-ino C. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
4. H. Buchli, Trafik-Direktoro, Bern, Svislando.
5. J. Gillard, Prez. SES, Neuveville, Svislando.
6. Otto Walder, Romanshorn, Svislando.
7. Walter Streun, Bern, Svislando.
8. Adolf Hilfiker, Lausanne, Svislando.
9. D-ro A. Baur, Bern, Svislando.
10. H. Mollet, Bern, Svislando.
11. S-ino Fischer, Bern, Svislando.
12. O. T. Nicolaisen, Hammerfest, Norvegujo.
13. Emil Keiser, Bern, Svislando.
14. F-ino A. Schweighauser, Bern, Svislando.
15. Ch. Jaccard, Bern, Svislando.
16. H. Küttel, Bern, Svislando.
17. D-ro K. Hebeisen, Bern, Svislando.
18. P. W. Baas, Amsterdam-Z, Nederlando.
19. P. Blaise, Liverpool, Britujo.
20. Kap. R. Bugge-Psuulsen, Oslo, Norvegujo.
21. D-ro G. Canuto, Parma, Italujo.
22. D-ro J. Couteaux, Sèvres, Francujo.
23. Einar Dahl, Uddevalla, Svedujo.
24. D-ro Carlos Domingues, Rio de Janeiro, Brazilo.
25. Rene Dubois, Paris, Francujo.
26. W. Grolleman, Lochem, Nederlando.
27. K. Th. Hansen, Gentofte, Danujo.
28. D-ro Oskar Huber, Uetendorf-Thun, Svisujo.
29. D-ro Paul Kempeneers, Uccle-Bruxelles, Belgujo.
30. D. Kennedy, Glasgow, Skotlando.
31. D-ro Ivo Lapenna, Zagreb, Jugoslavujo.
32. Bernard E. Long, Watford, Anglujo.
33. E. Malmgren, Stockholm, Svedujo.
34. Prof. St. Minkov, Sofia, Bulgarujo.
35. Arthur C. Oliver, Rickmansworth, Anglujo.
36. P. Petit, Rosney-sous-Bois, Francujo.
37. J. R. Scherer, Los Angeles, Usono.
38. J. Stenström, Ulricehamn, Svedujo.
39. H. W. Holmes, London, Britujo.
40. S-ino Nora Holmes, London, Britujo.
41. F-ino N. Hanson, Halifax, Britujo.
42. J. G. Teare, Liverpool, Britujo.
43. F-ino E. Baldwin-Smith, Barry, (Kimrujo), Britujo.
44. J. L. Ford, London, Britujo.
45. E. L. Johnson, London, Britujo.
46. W. Haines, London, Britujo.
47. T. K. Slade, Southampton, Britujo.
48. E. G. Marin, Whiteway, Britujo.
49. H. Hyams, London, Britujo.
50. S-ino M. Hyams, London, Britujo.
51. Prof. A. G. Tucker, Canterbury, Britujo.
52. Pastro T. W. Roff, Bolton, Britujo.
53. T. J. Guèritte, Surbiton, Britujo.
54. S-ino M. L. Guèritte, Surbiton, Britujo.
55. F-ino A. Fotherby, Surbiton, Britujo.
56. E. Jackson-Laurie, Bournemouth, Britujo.
57. S-ino Margaret de Rycke, Ghent, Belgujo.
58. P. H. Lewis, Didcot, Britujo.
59. B. Wells, Didcot, Britujo.
60. F. Walther-Born, Gerlafingen, Svislando.
61. W. Laederach, Zürich, Svislando.
62. W. H. Bolton, Dorchester, Britujo.
63. S-ino D. H. Bolton, Dorchester, Britujo.
64. F-ino J. H. Bolton, Dorchseter, Britujo.
65. F-ino O. Robotham, Stockton-on-Tees, Britujo.
66. S-ino Hilda de Vere, Wrotham, Britujo.
67. J. D. Applebaum, Sheffield, Britujo.
68. S-ino C. Applebaum, Sheffield, Britujo.
69. G. E. Collis, Leicester, Britujo.
70. D-ro S. M. Whitaker, Rochdale, Britujo.
71. F-ino A. B. Edwards, Bishop Aukland, Britujo.
72. F-ino Meg Kennedy, Glasgow, Skotlando.
73. R. B. Wilkinson, London, Britujo.
74. S-ino M. E. Wilkinson, London, Britujo.
75. F-ino E. M. Wheatley, Birmingham, Britujo.
76. F. Curtis, Bristol, Britujo.
77. F-ino Hilda Steele, Southport, Britujo.
78. C. W. Roome, Sheffield, Britujo.
79. H. Ingham, Liverpool, Britujo.
80. F-ino D. Ingham, Liverpool, Britujo.
81. F-ino M. Ingham, Liverpool, Britujo.
82. T. R. Sutherland, Liverpool, Britujo.
83. F-ino S. F. Sutherland, Liverpool, Britujo.
84. A. Fisher, Parstone, Britujo.
85. S-ino D. Fisher, Parstone, Britujo.
86. F-ino M. Diggles, Eltham (London), Britujo.
87. S-ino E. Warren, New Eltham (London), Britujo.
88. F-ino E. F. Mayhew, Leicester, Britujo.
89. N. H. Smith, Cambridge, Britujo.
90. S-ino M. N. Smith, Cambridge, Britujo.
91. S-ino P. Bamford, Warrington, Britujo.
92. P. C. Taylor, Manchester, Britujo.
93. John Cresswell, Manchester, Britujo.
94. F-ino M. W. Gee, Huddersfield, Britujo.
95. A. H. Middlemast, Airdrie, Britujo.
96. A. A. Ager, Beckenham, Britujo.
97. F-ino S. E. Baldock, London, Britujo.
98. F-ino A. G. MacFarlane, Glasgow, Skotlando.
99. F-ino A. L. Richardson, Whitley Bay, Britujo.
100. Bjarne Bekman, Strängnäs, Svedujo.
101. F-ino Lilly Schaerer, Langenthal, Svislando.
102. René Zollinger, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
103. J. Vondrousek, Brno, Cehoslovakio.
104. F-ino A. T. Selonen, Norrköping, Svedujo.
105. F-ino N. M. E. Farley, Bristol, Britujo.
106. Fino- R. M. Spencer, Halifax, Britujo.
107. F-ino E. M. Robertson, Halifax, Britujo.
108. C. W. Gardner, Sheffield, Britujo.
109. S-ino M. I. Gardner, Sheffield, Britujo.
110. F. Parker, Burnley, Britujo.
111. S-ino E. Parker, Burnley, Britujo.
112. F. Murphy, Northendon, Britujo.
113. S-ino G. E. Walmsley, Bradford, Britujo.
114. J. T. Wamsley, Beadford, Britujo.
115. F-ino Beatrice Hoyle, Southport, Britujo.
116. F-ino Bertha Hoyle, Southport, Britujo.
117. F-ino J. Baird, Edinburgh, Skotlando.
118. I. Williams, Manchester, Britujo.
119. S-ino H. M. Williams, Manchester, Britujo.
120. S. E. Shaffer, Manchester, Britujo.
121. F-ino J. M. F. Marshall, Dumbarton, Skotlando.
122. H. W. Allen-Smith, Watford, Britujo.
123. S-ino E. M. Allen-Smith Watford, Britujo.
124. F-ino G. F. Allen-Smith, Watford, Britujo.
125. W. P. Merrick, Shepperton, Britujo.
126. S-ino M. C. Merrick, Shepperton, Britujo.
127. Teo Jung, Scheveningen, Nederlando.
128. S. Ackers, Rotherham, Britujo.
129. S-ino E. Ackers, Rotherham, Britujo.
130. J. A. de Saldanha Carreira, Lisboa, Portugalujo.
131. J. Nicholson, Bolton, Britujo.
132. F-ino M. Nuttall, Southport, Britujo.
133. F-ino E. M. Walker, Birmingham, Britujo.
134. F-ino B. M. Chipperfield, London, Britujo.
135. O.S. Magnusson, Reykjavik, Islando.
136. H. Gudmundsson, Reykjavik, Islando.
137. Prof. Edmond Privat, Neuchâtel, Svislando.
138. S-ino Ü. Privat, Neuchâtel, Svislando.
139. S-ino L. Riedle, Zürich, Svislando.
140. A. Schweizer, Zürich-Höngg, Svislando.
141. S-ino E. Schweizer-Bachmann, Zürich-Höngg, Svislando.
142. K. E. H. Carlén, Hällabrottet, Svedujo.
143. S-ino H. C. Carlén, Hällabrottet, Svedujo.
144. F-ino J. D. Ramsay, Kirkcaldy, Skotlando.
145. Mason Stuttard, Amersham, Britujo.
146. S-ino M. A. Stuttard, Amersham, Britujo.
147. G. H. Burdikin, St. Helens, Britujo.
148. F-ino E. Harrison, Bolton, Britujo.
149. F-ino F. Scholes, Bolton, Britujo.
150. F-ino N. Bailey, Bolton, Britujo.
151. F-ino J. Haslam, Bolton, Britujo.
152. A. Catterall, Bolton, Britujo.
153. S-ino R. Seddon, Southport, Britujo.
154. F-ino C. M. Glennie, Birmingham, Britujo.
155. F. C. Midas, London W. 2, Britujo.
156. S-ino E. F. Midas, London W 2, Britujo
157. F-ino M. E. Harris, Birmingham, Britujo.
158. F-ino B. E. Morgan, Birmingham, Britujo.
159. F-ino M. J. Hockey, Birmingham, Britujo.
160. F-ino I. G. Robins, Birmingham, Britujo.
161. S-ino C. H. Downes, Walkden, Britujo.
162. F-ino N. Sutton, Stretford, Britujo.
163. Theo Van Gindertaelen, Mechelen, Belgujo.
164. Johano Geryk, Brno, Cehoslovakio.
165. F-ino H. E. Monod, Morges, Svislando.
166. Jakob Hohl, Flims-Waldhaus, Svislando.
167. S-ino L. A. Tissot Martin, Basel, Svislando.
168. Paul Le Brun, Kreuzlingen, Svislando.
169. Max Schlaefli, Dürrenast-Thun, Svislando.
170. Paulo Schneider, Thun, Svislando.
171. S-ino E. Schneider, Thun, Svislando.
172. A. G. Batt, Colchester, Britujo.
173. W. A. Walker, Gloucester, Britujo.
174. J. Lavis, Nelson, Britujo.
175. J. Guyer, Langho, Britujo.
176. R. Bland, Nelson, Britujo.
177. F-ino L. Graves, Nelson, Britujo.
178. F-ino A. Graves, Nelson, Britujo.
179. A. Wright, Nelson, Britujo.
180. F-ino A. E. Solomon, Llandudno, Britujo.
181. F-ino E. M. Edwards, Llandudno, Britujo.
182. F-ino M. C. Groen, Ilford, Britujo.
183. J. H. Wescott, London, Britujo.
184. F-ino L. G. Lawton, Reading, Britujo.
185. F-ino I. M. Lawton, London, Britujo.
186. W. Green, Leeds, Britujo.
187. S-ino M. Green, Leeds, Britujo.
188. F-ino B. M. Parker, Beckenham, Britujo.
189. R. A. Jones, Llandulas, Britujo.
190. S-ino M. Jones, Llandulas, Britujo.
191. W. Voirol-Reichen, Biel-Bienne, Svislando.
192. E. Keller, Männedorf, Svislando.
193. Jozka Skorpil, Tábor, Cehoslovakio.
194. Rezervita.
195. F-ino Klara Räz, Bern, Svislando.
196. D-ro A. Bader, Basel, Svislando.
197. F-ino A. Eberhard, Thun, Svislando.
198. R. Robertson, London, Britujo.
199. F. P. Sexton, Surbiton, Britujo.
200. S-ino D. E. Sexton, Surbiton, Britujo.
201. C. F. Braet, Brugge, Belgujo.
202. S-ino C. Braet-Amerlinck, Brugge, Belgujo.
203. B. Woolfenden, Rochdale, Britujo.
204. T. Woolfenden, Rochdale, Britujo.
205. B. S. Schofield, Bury, Britujo.
206. S-ino M. Schofield, Bury, Britujo.
207. B. T. McGrath, Stretford, Britujo.
208. S-ino H. McGrath, Stretford, Britujo.
209. F-ino F. E. Chapman, Bristol, Britujo.
210. S. Robertson, Sunderland, Britujo.
211. J. R. Grocott, Blackburn, Britujo.
212. S-ino N. Grocott, Blackburn, Britujo.
213. E. G. Lock, Hemsworth, Britujo.
214. I. G. Myers, Poole, Britujo.
215. W. Clarke, Dunfermline, Skotlando.
216. W. Chitty, Dover, Britujo.
217. F-ino J. K. Hislop, London, Britujo.
218. F-ino H. B. Haig, London, Britujo.
219. S-ino M. A. Allis, Birmingham, Britujo.
220. F-ino A. A. Nicol, Helensburgh, Skotlando.
221. S-ino K M. Thomas, Hornchurch, Britujo.
222. W. W. J. Thomas, Hornchurch, Britujo.
223. F. J. Wyatt, London, Britujo.
224. F-ino R. A. Davey, London, Britujo.
225. F-ino H. Guéritte, Versailles, Francujo.
226. F-ino L. Guéritte, Versailles, Francujo.
227. I. Alvarez, London, Britujo.
228. L. G. Watson, Bristol, Britujo.
229. T. Pendlebury, Rickmansworth, Britujo.
230. C. Rauber, Zürich, Svislando.
231. F. A. Witschi, Biel, Svislando.
232. F-ino E. A. Ahlström, Roma, Italujo.

N-ro 2

Bern, la 31-an de Marto 1947




Oficiala Kongres-Gazeto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 26-a Julio – 2-a Aŭgusto 1947 – Bern – Svislando

Eldonas Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 20. – Aperas laŭ bezono

# La sukceso dependas de ni

La streĉa laboro por la 32-a Universala Kongreso de Esperanto ĝis nun feliĉe pruvis al ni, kiel nia movado post la milito rapide refortiĝis, kaj kiel ĉie la Esperantistoj ekagas kaj denove sin organizas.

Sed dum nia laborado ni ankaŭ spertis, kio ankoraŭ estas farenda por akceli la Esperanto-movadon kaj kio estas necesa, por igi, ke nia mondhelplingvo estu nepre pozitiva helpilo de la homaro. Ni do unuavice povis konstati, kiel grava estas ne nur la aktiveco de la diversaj naciaj asocioj, de la fakaj organizoj kaj de nia internacia ligo, sed kiom la sukceso dependas de la aktiveco de la izolaj membroj.

Konsultante la mondhistorion, ni ĉiam denove devas konstati, ke plej rapide prosperis kaj venkis tiuj tuthomaraj movadoj, kiuj konsistis el disciplinitaj kaj nepre konvinkitaj membroj. Tion pruvas antaŭ ĉio la gravaj religiaj kaj principaj transformadoj, pri kiuj la kultura historio de la homaro nin instruas.

Ŝajnas al ni, ke en niaj propraj vicoj minacas la evidenta danĝero, ke ni multe tro apartigas nin de la cetera mondo kaj tro atentas nur la kamaradan sektoron de nia societa vivo; ke ni kvazaŭ membroj de sekto — tro multe koncentriĝas je nia propra interna societa vivo, anstataŭ pripensi, ke ĉiu Esperantisto aliĝanta al la movado samtempe aprobas ties celojn.

Sed ĉi tiuj celoj ne konsistas en tio, ke ni inter ni aprobas Esperanton kaj ĝin plibonigas. Ili ne nur ekzistas, por ke ni aprobu Esperanton kaj de tempo al tempo varbas kamaradon, amikon, amikinon aŭ iun ajn el nia konatularo por nia lingvo. Pripensante la konvinkon, ke Esperanto efektive estas la taŭga monda helplingvo, kapabla reciproke alproksimigi la popolojn malgraŭ la gravaj lingvolimoj, kaj interpacigi ilin, ni ankaŭ akceptas la taskon, luktadi por la efektivigo de niaj ideoj.

La milito sufiĉe pruvis al ni, kiom pereige estas, ke la nacioj apartigas sin unu de la alia, anstataŭ alproksimiĝi unu al la alia kaj fidi, en la konscio, ke ni ĉiuj estas homoj kaj ke ni — ne kiel anoj de iu nacio, sed kiel homoj, kiel membroj de la genro kreita de Dio — devas defendi kaj luktadi por la komuna kultura progresado de la tuta homaro.

Por tia ago neniu nacio de la terglobo bezonas oferi sian propran vivon, sian individuecon. Sed ĉiuj, krom pri sia individueco, memoru pri la misio, kiun ili akceptis por la bono de tuthomaj interesoj. Tio volas diri, ke la reciprokaj interrilatoj de la nacioj fariĝu pli intimaj kaj pli intensaj, ke la kultura interŝanĝo estu pli viva. Kiamaniere tio pli facile estus efektivigebla, ol per uzado de la sama lingvo por ĉiuj, kiu povas forigi ĉiujn barojn, kiujn la diversaj lingvoj kreas unu kontraŭ la alia. Kaj ĉi tiu lingvo estas nia Esperanto!

Antaŭ nelonge studentoj el multaj nacioj kunvenis en Svislando. Ekestis vera babilona lingvokonfuzo kaj la reciproka kompreno estis treege malfacila, ĉar kelkaj ja konis la anglan kaj la francan, la aliaj ĉeĥan kaj germanan aŭ iun alian lingvon. Sed nur tre malmultaj sukcesis komprenigi sin per tiuj lingvoj tiel, kiel estus necese por vigla interparolo inter junuloj pri humanaj, sciencaj kaj edukaj problemoj. Kaj kia estis la solvo, kiun tiuj junuloj fine ektrovis? Ili el sia memoro venigis sian malnovan, duone forgesitan latinon kaj provis komprenigi sin per tiu lingvo! Sed ĉar la tempoj bedaŭrinde jam delonge pasis, kiam latino estis popola lingvo kaj la lingvo de la kleruloj, la interparolo estis malvigla kaj nesufiĉa. Kiom pli facila kaj agrabla ĉio estus estinta, se ĉiuj estus parolintaj Esperanton, lingvo tiel facile lernebla!

Ni atentigis pri tio la junajn homojn. Kaj ili surprize respondis, ke ili ja okaze aŭdis pri Esperanto, sed ke neniu konsilis al ili, ankaŭ lerni ĝin, ĉar oni ĉiam ridetis pri la Esperantistoj kaj ilia agado. Sed precipe tiu ĉi ekzemplo montras al ni, kiel ni devas konduti: Se per senlaca kaj necedema defendo de nia pensado kaj niaj celoj ni ne sukcesos fine bati breĉon en la publikan opinion de niaj patrolandoj, ni certe neniam venkos.

Tial ni opinias, ke ĉiu el ni havas la devon, en sia loko senlace atentigi pri Esperanto kaj ĝia utileco, ĝin rekomendi kaj eĉ riskante fariĝi malagrabla kaj trudema, konstante pledi por ĝi. Tiel agi ĉiu povas: unu en sia entrepreno, la alia en sia oficejo, la tria kiel instruisto, la kvara kiel fervojisto, tiel bone kiel la profesoro, la simpla laboristo, entute ĉiu sur sia posteno.

Estas evidente, ke ni efektive nur tiam venkos, kiam ni sukcesos, enkonduki Esperanton en la lernejojn, t. e. en la unuagradajn, la mezajn lernejojn kaj la universitatojn; ke ni nur tiam havos sukceson, kiam la diplomatio kaj la politiko interesiĝos por nia probemo. Pro tio — rememoru ni pri la iama Romano Cato — devas esti nia ĉiutaga „Ceterum censeo", ne laciĝi kaj ne rusti, sed ĉie kaj ĉiam atentigi pri nia Esperanto. —

La nunaj internaciaj traktadoj en la UNO, en la UNESCO, pri la pacaj kontraktoj, pri la internacia rekonstruado, pruvas ĉiutage al tiuj, kiuj staras ekster Esperanto, kiajn malfacilaĵojn la diverslingveco de la multnombraj delegitaroj kaŭzas, kiom da tempo perdiĝas kaj kiel enuigaj,

ofte en gravaj kaj decidigaj demandoj, estas la dubaj tradukoj. Kio estus pli taŭga ol nia Esperanto? Ni do scias: unu el la bastionoj, kiujn ni konstante kaj senlace devas ataki, estas la estraroj de niaj landoj.

Ni ja ankaŭ konstatas, ke la malfacilaĵoj en la internaciaj komercaj interrilatoj estas la samaj kiel sur la politika teritorio. Tamen ĉe la komercaj aferoj la uzado de Esperanto simpligas kaj malgrandigas la elspezojn, ĉar ne plu estas necese, pagi specialan korespondanton por ĉiu fremda lingvo. Al la komercistoj ni do per ilia buĝeto povas pruvi, kiom Esperanto ŝparas al ilia kaso.

En ĉiuj cirkonstancoj de la vivo ni do renkontas eblecojn por ataki kaj servi. Kaj tio estas necesa, se ni fidas nian sukceson. La titolo „La sukceso dependas de ni", kiun ni metis super ĉi tiun artikolon, nepre estas ĝustigita. Ĉiu do frapu sian propran bruston! La 32-a Universala Kongreso de Esperanto do konduku nin plian mejlon al la fina sukceso! Ni tion ŝuldas al la homaro kaj al la monda paco.

H. Buchli, Prezidanto de la L.K.K.

# Provizora programo de la fakkunsidoj

**Lundo, la 28a de Julio.**

14.30 Kooperativa Esperantista Ligo (Unua kunveno). Adreso: S-ro A. A. Ager, 8, Pelham Road, Beckenham, (Kent), Anglujo.

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio Adreso: LKK.

Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI) (Unua kunveno). Adreso: S-ro Ivar E. Karlsson, Box 877, Leksand, Svedujo.

**Mardo, la 29a de Julio.**

14.00 La Bar-rompantoj. Adreso: S-ro Pastro W. J. Downes, 7 Hill Street, Kingswood, Bristol, Anglujo.

Internacia Asocio de Poŝtmark-Kolektantoj. Adreso: XPDO House, Didcot (Berks), Anglujo.

14.30 Esperantistaj Rotarianoj (Lunĉo je la 12.15 ĉe la Bernaj Rotarianoj). Adreso: IEL, Heronsgate, Rickmansworth, (Herts), Anglujo.

**Merkredo, la 30a de Julio.**

9.00 *I.L.E.P.T.T. La subasocio:* Internacia Ligo deEsperantistaj Poŝt- kaj Telegrafocistoj (P.T.T.) Adreso: *S-ro R. Filliatre, Achères,* (Sine et Oise), Francujo.

Movado Al Abundo (Unua kunveno). Adreso: S-ro E. E. Jelland, 14 Rue de la Republique, Marseilles, Francujo.

Psika esploro kaj spiritismo. Adreso: S-ino Nora Holmes, 38, Fillebrook Road, London, E, 11, Anglujo.

14.00 Universala Ligo. Adreso: Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.

KELI (Dua kunveno).

**Ĵaŭdo, la 31a de Julio.**

9.00 *I.L.E.P.T.T. La subasocio: Fervojistoj.* Adreso: S-ro Emil Keiser, Hubacherweg 7, Liebefeld, Bern, Svislando.

Oksford-grupo. Adreso: S-ro Derrick P. Faux, The Bungalow, New Drive, Painswick, (Glos), Anglujo.

14.00 Bahaismo: Adreso: F-ino Etty Graefe, 6, Cours des Bastions, Genève, Svislando.

14.00 Pacifistoj. Adreso: S-ro V. Verda, 14, Leopoldstreet Leeds, 7, Anglujo.

Blinduloj. Adreso: S-ro Theo Kutzli, Schibenackerstrasse 6, St. Gallen-Ost, Svislando.

**Vendredo, la 1a de Augusto.**

9.00 Movado Al Abundo (Dua kunveno).

Policista Ligo. Adreso: S-ro Schwartz, 10, rue Engelhardt, Strasbourg, Mainau, Francujo

Kooperativa Esperantista Ligo (Dua kunveno).

*14.00 Denaska Esperantistaro. Adreso: S-ro J. Guillaume, 34 rue de Chabrol, Paris, Francujo.*

Psika esploro kaj spiritismo. (Dua kunveno).

Pro diversaj kaŭzoj ni bedaŭrinde ne povas doni la deziritan tempon al kelkaj asocioj.

Katolikoj. Tempo ankoraŭ ne fiksita. Turnu vin al S-ro Pastro J. De Mæyer, Collège Sainte Gertrude, Vivelles, Belgujo.

## Dua informilo

**Adreso por leteroj:** *32a Universala Kongreso de Esperanto, Bundesgasse 20, Bern, Svislando.*

**Al informpetoj** *bonvolu aldoni internacian respond-kuponon.*

**Aliĝiloj** *estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj asocioj kaj ĉe la centra oficejo de IEL.*

**Pagejoj.** *El multaj landoj oni povas pagi rekte al nia poŝtĉeka konto III 13732 aŭ al nia bankkonto ĉe Schweiz. Volksbank, Bern, aŭ al IEL.*

**Transpagaj malfacilaĵoj.** *En landoj kun transpagaj malfacilaĵoj oni devas turni sin tuj al la landa asocio, kiu faros la necesajn paŝojn ĉe la financaj aŭtoritatoj.*

**Glumarkoj,** *bona propagandilo, 20 pecoj kostas sv. fr. 0,30 aŭ 1 internacian respondkuponon.*

**Blindula kaso,** *helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.*

**Donacoj** *helpas sukcesigi la kongreson, la LKK antaŭdankas al donacantoj. Ni kore dankas tiujn, kiuj jam sendis donacojn al ambaŭ kasoj.*

**Kongresprogramo.** *En la programo publikigita en la lasta numero estas farendaj jenaj ŝanĝoj:* **Lunde** *20.30 Esperanto-varieteo en la granda salono de Kazino.* **Marde** *20.30 Koncerto en la granda salono de Kazino.* **Vendrede** *vespere partoprenado en grupoj ĉe la svisa federacia festo.*

**Vizo.** *Ĉiu kongresano ricevos senpagan vizon al Svislando de la svisaj ambasadorejoj aŭ konsulejoj en eksterlando montrante la kongresan karton, (nur por la kongresa tempo kaj postkongreso).*

**Kotizoj:** *Sv. fr. 35.—. La edzo aŭ edzino de kongresano pagas sv. fr. 20.—. Por gejunuloj ne pli ol 20-jaroj sv. fr. 15.—.*

**Postkongreso.** *Vidu nian proponon al vi en ĉi tiu gazeto. Ni ne presigis mendilon por la postkongreso. Skribu vian mendon sur ordinara papero.*

**Aliĝoj.** *Ĝis la 31—3—1947 aliĝis 750 personoj el 22 landoj.*



La malnova urbo Bern laŭ plano de Matthäus Merian de la jaro 1642.

# Promenado tra Bern, la kongresa urbo 1947

*Antikvaj muroj kai juna verdaĵo*

Bern estas unu el la urboj, kiuj konservis tre pura kaj sendifekta sian pitoreskan mezepokan vizaĝon kaj sian depost jarcentoj ekzistantan originalecon. Tiaj urboj hodiaŭ estas tre maloftaj, ĉar norde de la alparo la milito detruis al multaj de ili la plej valoran konstruan ornamon. Precipe en Germanujo postrestis nur rubo kaj ruinoj. Aliloke la postuloj de la moderna vivo kaj de la intensigita trafiko anstataŭis la belan antikvaĵon per novaj, laŭcelaj konstruaĵoj. Sed la svisa ĉefurbo ĝis la nuna tempo konservadis preskaŭ senŝanĝa la karakteron de siaj malnovaj kvartaloj, kiuj bele kaj alte situas sur la monteta dorso ĉirkaŭfluita de la blua rivero. Sen pena, trompa rekonstruado aperas antaŭ nia okulo idiliaj kaj heroaj jarcentoj de la iama Svislando, pri kiu la kronikoj entenas multe da gloraj folioj. Ĝar en Bern ankoraŭ, kun la origina eksteraĵo, staras la malnovaj turoj de defendo kaj de ornamo, aldone la belega gotika katedralo kun la plej alta turo en Svislando, plie la fontanoj el la 16-a jarcento, kiuj portas multkoloran kaj multforman vicon de militistoj, ursoj, bibliaj personoj kaj multe da ora kaj multkolora ornamaĵo. Ĉi tiuj fontanoj estas vivplenaj atestantoj pri la epokoj, kiam tamburado kaj militista paŝo resonadis en la stratoj de Bern, kaj kiam svisaj dungitoj luktadis sur la grandaj batalejoj de Eŭropo kaj ofte decidis la militan sukceson de la grandpotencoj. – Al la antikva urbo kun la altaj turoj ankaŭ apartenas la rivero, kiu kvazaŭ karesa brako de la naturo per bluverda akvo ĉirkaŭas la antikvan murkoronon. Tiu ĉi rivero devenas el la montetoj kaj arbaroj de la mezlando, kaj kun ĝi riĉa verda strio da herbejoj kaj arboj plektas sin ĝis la kerno de la urbo kaj saturigas ĝin per freŝa natura spiro. Laŭlonge de ĝiaj bordoj oni ĉiusezone agrable povas promeni; tamen ekde la plej viva trafiko de la urba centro oni ne bezonas pli ol kvaronhoron ĝis ĉi tiu silenta, freŝarea riverbordo kun ĝiaj vojetoj.

Tamen ne estas nur la rivero, kiu kunligas Bern kun ĝia ĉirkaŭaĵo, belega pejzaĝo ĉe la piedoj de la alparo. Bern estas ankaŭ ĉefurbo de la idilia kamparo. Oni nur rigardu la urbon en foira tago, kiam la kampuloj kun veturiloj kaj korboj, kun fruktoj kaj legomoj, kun brutaro kaj havaĵo okupas la placojn kaj la malnovajn stratojn. Jen la placo apud la federala domo fariĝas flora ĝardeno, kaj en la stratoj de la malnova urbo, kie estas la foiro por legomoj, viando, fromaĝo kaj la birdaro, tie la kampularo, kiel en la tempo de niaj geavoj, komforte pruvas sian potencon kaj montras siajn belaĵojn.

Kaj same kiel la kampo neniam ĉesas iradi al la urbo tiel ankaŭ la urbo Bern konstante vizitas la verdan pejzaĝon, la pitoreskajn montetojn kaj la montpintojn. Ne nur ke la novaj kvartaloj staras meze inter riĉe dotitaj ĝardenoj kaj spiras la sanan aeron de la kampo; estas ankaŭ malnova famo de Bern, ke el sia urba loĝejo la okulo povas ĝui la elvidon al belega pejzaĝo, ĉe kies fino, kvazaŭ gardisto, staras unu el la plej belaj grupoj da neĝmontoj en Eŭropo. El la urbo oni povas ankaŭ grimpi sur la Gurten en malpli ol unu horeto kaj de tie ĝui la tutan aspekton de la urbo kaj de ĝia ĉirkaŭaĵo. Norde, vid-al-vide de la alparo, milde sin prezentas al la okulo



La urbdomo de Bern, konstruita 1406-1616

la ondsimilaj altaĵoj de la Jura. Ĉio etendiĝanta inter la alpoj kaj la Jura estas Berna pejzaĝo – la tuta kamparo kun serpentumaj, profunden tranĉitaj riverfluejoj, kun ĉiuj ŝtupoj de montaltoj, de verda dolĉeco en la valo ĝis la malhelaj, abikovritaj montetoj, kiuj de malproksime aspektas kvazaŭ vera felo de urso, kaj plie ĝis la krudaj rokkapoj kaj praneĝoj de la antaŭalparo, kaj fine ĝis la briletanta glaciaro kaj la nudrokoj de la altaj alpoj, kiuj jam estas preskaŭ fratiĝintaj kun la eterneco. Kaj ĉio ĉi en tia proksimeco, ke de paŝo al paŝo prezentas sin plej viva ŝanĝo.

Grava militema estinteco de Bern! – Sur la monteta dorso, kiu, alproksimiĝanta al la rivero, iom post iom mallarĝiĝas, la stratoj regule, sed en tirita kurbo, etendiĝas ĝis la rivero, kiu ĉirkaŭas la urbon sur tri flankoj. En la mezepoko tio estis ideala, protekta kaj defenda kastelaĵo! Ĉe la fondo de Bern, en la jaro 1191, la kastelo Nydeck, kiu jam antaŭe gardis la gravan ponton trans la Aare en la orient-okcidenta strato, restadis por la tuta urbo la defenda kolono, kiu apogis sin al la malnova fortikaĵo. Ĉirkaŭfluata kaj protektata de la rivero, dum pli ol 600 jaroj Bern kreskadis nur okcidenten, tute laŭ la origina projekto de sia fondiĝo. Eĉ ankoraŭ nuntempe tiu ĉi urba parto, kiu inter la horloĝa turo kaj la Nydeck preskaŭ neniel ŝanĝiĝis, povas montri la detalan konstruon de Zähringa urbo. Samtempe ĉi tiu parto rajtas esti taksata vera kolekto da konstruaj belaĵoj kaj pretendi troviĝi en la unuaj rangoj de la plej famaj mezepokaj urbaspektoj.

En la mezo sin etendas la plej granda ĉefstrato kun la plej frekventitaj arkaĵoj. Pli frue ĝi en sia tuta longo simple nomiĝis Foirstrato. Ĝi estas kvazaŭ la *Canale Grande* de Bern, ĉe kies flankoj staras precipe imponaj domoj, kun arkaĵaj kolonoj, kiuj malsupre pezege kaj larĝe ŝovas sin en la straton, tiel ke la muroj kvazaŭ per elstarantaj radikoj estas kunkreskintaj kun la tero. La tuta domfronto pro tio ŝajnas iom retiriĝi de la stratomezo – kvazaŭ komfortemaj ŝtatviroj en la apogseĝo. La apudesto de la domoj estas natura, pacema, kreskinta ordo, kun kelke da negravaj malreguletoj, kiaj montriĝas ankaŭ ĉe la ĉelaro de miela tavolo. Ili pruvas, ke oni tiam konstruis kun la koro kaj la fantazio, kaj ne nur per la liniilo.

Ambaŭflanke de la ĉefstrato troviĝas la apudaj stratoj: tiel la Sinjorstrato kun la pastrejoj, la Junkrostrato kun sia patricia nobla modesteco, la preskaŭ kampare tuŝantaj Poŝta kaj Buĉista stratoj, en kies arkaĵoj ankoraŭ en libera aero la metiistoj laboras kaj la infanriĉaj familioj ripozas aŭ ludas. Jen ankoraŭ multe da fenestroj kun gotike mallarĝa formo kaj bele profilitaj listeloj. Kiom da pordoj ankoraŭ posedas siajn arte elleboritajn frapilojn el latuno – ŝajnas, kvazaŭ tia pordo ĵus fermiĝis malantaŭ la konsilista sinjoro kun la peruko, malantaŭ la



La Zeitglockenturo (horlogturo) kun la Zähringera fonto (15a jarcento). La fonto estas memoraĵo pri la fondinto de la urbo, duko Berchtold von Zähringen.

virino kun la krinolino! Kaj ĉu tie eĉ ne la ĉevalo ankoraŭ nun trotas kun la stalisto sur la straton? Ĝi estas kondukata por trinki el la puto, kiu troviĝas en la mezo de la strato, same kiel en la „feŭdejo“ de sinjora bieno. Ĉiuj ĉi estas postsignoj de la *Ancien Régime*, sub kiu la Berna Respubliko atingis sian plej grandan briloa, sian patrician elegantecon kaj indecon.

Katedralo, urbodomo kaj konstruaĵoj el la baroka epoko, kiel ekzemple la sinjora palaco de la familio von Erlach en la Junkrostrato, turoj kaj fermitaj balkonoj; jen la veraj juveloj en ĉi tiuj stratoj de la malnova urbo Viziti ilin, promenadi de arkaĵo al arkaĵo kaj apud la fontanoj, kun komfortaj paŝoj, kiel decas al la famo de Bern kiel urbo de la trankvilemo kaj de la „Nepre no urĝas“. Tiel ni ĝuas, dum tri aŭ kvar rondiroj, kelke da mediteme belaj kaj agrablaj horoj. *Adrian Walter*

---

**Karavanoj.** *Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj:*
*Britujo: BEA. 140, Holland Park Avenue, London, W.11. Federacio Esperantista, 368, Colne Road, Burnley (Lancs.).*
*Belgujo: Turnu vin al: Reĝa Belga Ligo Esperantista, 19, av. Montjoie, Uccle-Bruxelles.*
*Ĉeĥoslovakio: S-ro Arnošt Vána, Pivovarska 3, Zilina.*
*Danujo: Turisma oficejo, Havepladsvej 136, Fredericia.*
*Francujo: Thiers-Esperanto, S-ro Noël Mayet, 45, Rue des Papeteries, Thiers (Puy-de-Dôme).*
*Kaj: S-ro Pialla, Nyons (Drôme),*
*Germanujo: Esperanto-Servo, Lindenstrasse 10 (2), Lübben/Spreewald.*
*Hungarujo: F-ino Sári S. John, Dessewffy-utca 24, Budapest VI.*
*Irlando: S-ro Lorcán O hUiginn, Sonas, Cnocna hInneona, Dundroma-Dublin.*
*Islando: La Esperantista Societo Aŭroro, Poŝtkesto 1081, Reykjavik.*
*Nederlando: Universala Ligo, Riouwstraat 172, Den Haag, La karavangvidanto: S-ro Jakob Telling, Schietbaanlaan 106, Rotterdam, C.*
*Nederlanda Esperanto-Asocio „La Estonto Estas Nia“, Stadionkade 6, Amsterdam — Z. Tiu asocio interrilatas kun Nederlandsche Reisvereeniging, kiu espereble povos aranĝi ion por la kongresanoj de Nederlando.*
*Norvegujo: Turista komisio, Boks 942, Oslo.*
*Polujo: S-ro Roman Sakowicz, Asnyka 4, Okesie, Warszawa (19).*
*Svedujo: Reso, Västmannagatan 1, Stockholm.*
*Usono: S-ro G. Alan Connor, 114 West 16 St., New York City 11.*

**Fakkunsidoj..** *Vidu la aranĝojn sub la provizora programo Tie vi ankaŭ trovos la adresojn. Do, ne skribu al LKK, sed rekte al la koncerna asocio.*

**Antaŭkongreso** *ne estos aranĝata.*

# Proponoj por la postkongresa semajno

Ricevinte multajn dezirojn, ke ni proponu al la partoprenontoj de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern, kiel cetere jam en 1939, vicon da postkongresaj ekskursoj, kiuj al ili ebligos, ekkoni la plej belajn pejzaĝojn de Svislando, ni konigas ĉi sube niajn proponojn. Ili ĉiuj estas tiel kalkulitaj, ke ili ne tro ŝarĝas la buĝeton kaj tamen certigas maksimumon de vojaĝa ĝuo.

Ni krome por ĉiu aranĝo ellaboris du diversajn prezojn, el kiuj la unua disponigas hotelojn pli komfortajn, la alia hotelojn pli modestajn. Ĉiuj laŭprogramaj kondukadoj kaj vizitoj estas inkluditaj, same ankaŭ la trinkmono kaj la spezoj por la pakajoj.

Ĉar ni povas supozi nur limigitan nombron de parto prenontoj por la diversaj vojaĝoj, ni tre deziras definitivan mendon antaŭe. Oni nepre devos konsideri la postulojn laŭ la vico de ilia alveno. La antaŭa pago por la ekskursoj estas dezirata, tamen la pagoj povas ankaŭ esti efektivigataj tuj post la alveno en Bern.

Anoncante la partoprenon, oni bonvolu citi samtempe la sekvantajn signonumerojn:

N-ro 7: Okcidenta Svislando
N-ro 8: Berna Oberlando
N-ro 9: Wallis (Valezo)
N-ro 10: Tiĉino
N-ro 11: Graubünden (Grizon)

Plie citu ankaŭ la deziritan hotelklason:
Do: Hotelklaso 1-a; aŭ hotelklaso 2-a.

La postkongresaj vojaĝoj N-roj 7 kaj 8 Komencos la 2-an de aŭgusto post la tagmanĝo. Sed la vojaĝoj N-roj 9, 10 kaj 11 komencos nur la 3-an de aŭgusto matene. La partoprenontoj do devos resti unu plian nokton en Bern. Ĉi tiuj partoprenontoj bonvolu atentigi pri tio, kiam ili mendos sian loĝejon.

*N-ro 7*

*1-a tago:* Foriro el Bern post la tagmanĝo, fervoje al Ĝenevo, eventuale tra Biel–Neuchâtel–Yverdon–Lausanne. Vespermanĝo kaj tranokto en Ĝenevo.

*2-a tago:* Kompleta pensiono en Ĝenevo. Vizito al la urbo (palaco de la UNO, ktp. Rondveturo sur la lago.

*3-a tago:* Matenmanĝo en Ĝenevo. Forveturo ŝipe al Lausanne. Tagmanĝo en Lausanne-Ouchy kaj mallonga vizito al la urbo. Vespere fervoje aŭ ŝipe al Montreux, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*4-a kaj 5-a tagoj:* Restado kun plena pensiono en Montreux; vizito al la pejzaĝo, ekskurso al Rochers-de-Naye.

*6-a tago:* Matenmanĝo en Montreux. Daŭrigo de la veturo per MOB (Fervojo Montreux-Oberland) ĝis Gstaad (eventuale Château d'Oex, tie tagmanĝo, vespermanĝo kaj tranokto.

*7-a tago:* Matenmanĝo en Gstaad kaj fervoja veturo ĝis Spiez (eventuale ĝis Thun, ĉi tie tagmanĝo kaj vizito. Vespere reveturo al Bern.

Prezo por hoteloj unuaklasaj ...... Fr. 248.—
Prezo por hoteloj duaklasaj ........ Fr. 217.—

*N-ro 8*

*1-a tago:* Forveturo el Bern post la tagmanĝo. Fervoje ĝis Thun, poste ŝipe ĝis Interlaken. Per BOB (Fervojo Berna Oberlando) ĝis Interlaken-Orienta–Lauterbrunnen. Ĉi tie vespermanĝo kaj tranokto.

*2-a tago:* Matenmanĝo en Lauterbrunnen. Fervoje ĝis Wengen, tie tagmanĝo, vespermanĝo kaj tranokto.

*3-a tago:* Plena pensiono en Wengen.

*4-a tago:* Matenmanĝo en Wengen. Fervoje al Wengern-Alp–Kleine Scheidegg. Tie tagmanĝo. Plua veturo al Grindelwald, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*5-a tago:* Plena pensiono en Grindelwald.

*6-a tago:* Matenmanĝo en Grindelwald. Fervoje Grindelwald–Interlaken–Brünig–Alpnachstad, poste ŝipe ĝis Lucerno, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*7-a tago:* Matenmanĝo kaj tagmanĝo en Lucerno. Vizito al la urbo (Glacia Ĝardeno, pontoj, ktp. Heimveturo tra Langnau al Bern.

Prezo por hoteloj unuaklasaj ...... Fr. 219.—
Prezo por hoteloj duaklasaj ........ Fr. 189.—

*N-ro 9*

*1-a tago:* Forveturo el Bern ĉirkaŭ je la 10-a horo, veturado Bern–Thun–Brig–Visp–Stalden–Zermatt, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*2-a tago:* Plena pensiono en Zermatt.

*3-a tago:* Matenmanĝo en Zermatt. Fervoje al Gornergrat. Tagmanĝo en Gornergrat-Kulm. Reveturo al Zermatt, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*4-a tago:* Matenmanĝo en Zermatt, fervoje Zermatt–Sierre–Montana, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*5-a tago:* Plena pensiono en Montana. (Promenadoj) al Crans, ktp.

*6-a tago:* Matenmanĝo en Montana. Fervoje Montana–Sierre–Martigny–Villeneuve. Tagmanĝo en la pitoreska urbeto, vizito. Ŝipe al Montreux-Vevey. Tie vespermanĝo kaj tranokto.

*7-a tago:* Matenmanĝo kaj vizito en Vevey, poste ŝipe al Lausanne. Tagmanĝo kaj vizito en Lausanne. Veturo hejmen tra Fribourg al Bern.

Prezo por hoteloj unuaklasaj ...... Fr. 261.—
Prezo por hoteloj duaklasaj ........ Fr. 254.—

*N-ro 10*

*1-a tago:* Forveturo el Bern ĉirkaŭ je la 10-a horo. Fervoje Bern–Iselle–Domodossola–Centovalli – Locarno, tie vespermanĝo kaj tranokto.

*2-a kaj 3-a tagoj:* Plena pensiono en Locarno. Rondveturo sur la lago ĝis Ascona kaj reveno.

*4-a tago:* Matenmanĝo en Locarno, fervoje Locarno–Giubiasco–Lugano, tie tagmanĝo, vespermanĝo kaj tranokto.

*5-a kaj 6-a tagoj:* Plena pensiono en Lugano, fervoje sur la monton Salvatore.

*7-a tago:* Matenmanĝo en Lugano, fervoje ĝis Flüelen, tie tagmanĝo. Ŝipe de Flüelen al Lucerno. Fervoje el Lucerno al Bern.

Prezo por hoteloj unuaklasaj ...... Fr. 242.—
Prezo por hoteloj duaklasaj ........ Fr. 215.—

*N-ro 11*

*1-a tago:* Forveturo el Bern ĉirkaŭ je la 9-a horo. Fervoje Bern–Thun – Brig – Gletsch – Andermatt – Disentis. Tie vespermanĝo kaj tranokto.

*2-a tago:* Matenmanĝo en Disentis. Fervoje el Disentis al Pontresina. Tie tagmanĝo, vespermanĝo kaj tranokto.

*3-a tago:* Plena pensiono kaj restado en Pontresina. (Fervojo al Alp Grüm).

*4-a tago:* Matenmanĝo en Pontresina. Fervoje al Bevers–Zernez, tie tagmanĝo, vespermanĝo kaj tranokto.

*5-a tago:* Plena pensiono kaj restado en Zernez. Vizito al la Nacia Parko.

*6-a tago:* Matenmanĝo en Zernez, fervoje Zernez–Susch. Per poŝta aŭto el Susch al Davos-Dorf. Restado tie.

*7-a tago:* Matenmanĝo en Davos. Fervoje Davos–Klosters–Landquart–Zürich. Tagmanĝo en Zürich kaj vizito. Fervoje Zürich–Olten–Bern.

Prezo por hoteloj unuaklasaj ...... Fr. 261.—
Prezo por hoteloj duaklasaj ........ Fr. 239.—

## La svisa registaro helpas nin

La devizaj malfacilaĵoj kaŭzas al la venonta kongreso tre esencajn malfacilaĵojn. Ni publikigas ĉi-sube leteron de la „Politika departemento de la Svisa Federacio" (t. e. la ministerio por eksteraj aferoj), el kiu oni ekvidas, ke la svisaj legacioj kaj konsulejoj en eksterlando ne nur estas informitaj, sed havas la komision, helpi al la kongresanoj en ilia akiro de devizoj, tiom kiom tio eblas. La premiso de tiu helpo estas — kiel la LKK jam komunikis al la landaj asocioj — ke la kongresanoj faru komunan demarŝon ĉe la devizaj, resp. la nacia bankoj de siaj landoj. Nur tio certigas la sukceson.

*

Bern, la 20-an de februaro 1947.

S-ro Buchli,
Prezidanto de la LKK de la 32-a UK de Esperanto

Estimata sinjoro,

Ni havas la honoron informi vin ke ni sendis al niaj legacioj per cirkulero de la 15-a de februaro, la oficialajn invitojn, kiujn vi donis al ni por la registaroj de la diversaj landoj reprezentotaj en la proksima kongreso.

Kiel ni akordiĝis, ni postulis de la svisaj legacioj en landoj, kie la devizoj ne estas liberaj, interveni ĉe la kompetentaj aŭtoritatoj, por subteni la demandon kiun la landaj Esperantaj organizoj prezentos por ricevi la necesajn devizojn por siaj delegitoj.

Bonvolu peti la landajn organizojn de Esperanto de jenaj landoj informi la svisan legacion de sia lando pri la dato je kiu la demando estos submetata al la monŝanĝa oficejo:

Turkujo, Grekujo, Jugoslavujo, Rumanujo, Hungarujo, Finnlando, Nederlando, USSR, Norvegujo, Francujo, Ĉeĥoslovakujo, Italujo, Bulgarujo, Polujo, Aŭstrujo, Belgujo, Luksemburgo, Danujo kaj Egiptujo.

Bonvolu akcepti, sinjoro prezidanto, la certigon de nia plej distingita estimo. Federacia politika departemento.

## Alvoko al la landaj asocioj

De la supra sciigo vi vidas, ke nun ni havas la valoran subtenon de la svisaj aŭtoritatoj. Ni petas la landajn asociojn informi nin pri la intertraktado kun la devizaj aŭtoritatoj de siaj landoj kai pri la kontakto kun la reprezentantoj de la svisa diplomataro. La LKK estas interesata scii, kiel la afero progresas, ĉar la difinitiva programo plej parte dependas de la nombro de la kongresontoj.

## Registarano D-ro Enrico Celio

*Honora Prezidanto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto*

*La Svisa Registaro rajtigas al sia Vic-prezidanto S-ro D-ro Enrico Celio, ministro de la Federacia Poŝt- kaj Fervojdepartemento esti la Honora Prezidanto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern.*

*Per tio la Svisa Registaro montris al la Esperanta movado grandan honoron. Ĉar per tio ili esprimas sian ĝojon, ke la venonta Universala Kongreso okazos en Svislando kaj per tio ili ankaŭ aprobas la laŭdindan celon de la Esperanta movado kaj esprimas samtempe sian simpation por la ideo de la mondlingvo.*

*La Registaro transdonis sian plej koran deziron por la efektiviĝo de la Kongreso. Dum la Solena malfermo de la Kongreso la 27-a de Julio verŝajne la ministro D-ro Celio salutos la Kongreson en la nomo de la Svisa Registaro.*

## Mendu baldaŭ vian restejon en Bern

*La LKK informas la kongresanojn de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto, ke la restad-demando estas ege malfacila. Pro tio petas la LKK ke ĉiu kongresano tuj sendu sian mendon aŭ por hotelĉambro aŭ por ĉambro ĉe privatulo.* **Ni ne plu havas hotelĉambrojn laŭ aranĝo A, kategorio II, kaj kategorio III, en la urbo Bern, sed en la ĉirkaŭaĵo troviĝas ankoraŭ tiaj ĉambroj. La veturo al la centro de Bern daŭras de 30 min. ĝis unu horo. La veturprezo estas enkalkulita en la restadprezo.**

*Pro la relative malgranda nombro de hotel- kaj privatĉambroj, kiuj estos je la dispono, la LKK estas devigata pritrakti la mendojn laŭ la sinsekvo de ilia alveno al Bern kaj poste ne estos eble plenumi eventualan specialdeziron. La unuaj mendantoj ricevos la plej bonan servon.*

*Ankaŭ la mendanto de amas-restejo devos balaŭ sendi al LKK sian mendilon. Tiu kiu ne havas aliĝilon aŭ mendilon por restado ricevos tiun de la Loka Kongresa Komitato, Bundesgasse 20, Bern.*

## Esperanto en Bern

La 13-an de februaro 1947 aranĝis LKK kaj Berna Esperanta Societo publikan provlecionon kun prelego pri Esperanto. S-ro D-ro Arthur Baur faris la prelegon, kaj la provlecionon gvidis S-ro O. T. Nicolaisen. La publiko interesiĝis pri Esperanto kaj 60 personoj aliĝis al la kurso, kiun oni devis partigi en 4 grupoj.

Oni sendis leterojn kaj flugfoliojn al ĉiuj societoj kaj organizoj en Bern kaj la ĉirkaŭaĵo. En la tagaj gazetoj aperis artikoloj pri Esperanto kaj pri la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern. Dum pli ol unu monato estis bele aranĝita ekspozicio en unu el la fenestregoj de la oficiala urba Trafikoficejo kie la LKK havas la oficejon. La trafikoficejo situas en la mezo de la urbo Bern.

La Bernaj Telegrafo kaj Poŝto pagas la kurson al siaj funkciuloj.

## Alvoko
### al la fervojistoj

Ĉiuj fervojistoj intencantaj partopreni la Esperanto-Mondkongreson 1947 en Bern estas petataj anonci sin ĉe ni (sendepende de la kongresaliĝo) ĝis la 1-a de majo 1947. Gvidantoj de karavanoj komuniku al ni proksimume la nombron de la karavanoj indikante ĉu ili estas el la administracio aŭ alia funkciado de la fervojo. Ni volas aranĝi specialan aranĝon por fervojistoj (vizitoj, filmoj, paroladoj). Deziroj, proponoj kaj anoncoj de paroladantoj estas dankeme atendataj. Pri demandoj por la kongreso, loĝejo, profesiaj kunsidoj ni plezure respondos. La korespondajojn ĉi rilatajn oni bv. sendu al la sekvanta adreso: Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj, Hubacherweg 6, **Liebefeld-Bern**, Svislando.

## Kiel propagandi pri Esperanto dum la alkongresa vojaĝo?

Post kelkaj monatoj jam la esperantistoj ekvojaĝos de hejme, por partopreni la Bernan kunvenon Esperantistan. Rigardante survoje la diversajn landojn, kiujn ili devas trapasi por alveni Svislandon la geesperantistoj ne havos tempon paroli pri nia lingvo kaj la altaj celoj de l'Esperantismo. Tial SES eldonis propagandilon **„Pensoj de Zamenhof"**, kiun oni bonege povos uzi por la persona varbado en vagonaro kaj hotelo. Ĉiu kongresano havigu al si ekzemplerojn de tiu kvinlingva broŝuro, entenanta trafajn originalajn sentencojn de Zamenhof pri lingvaj problemoj kaj etikaj homaranaj vidpunktoj (tiom forgesitaj en la lastaj jaroj!), kaj fordonu tiun 30-paĝan libreton kune kun **naciaj ŝlosiloj**. Tiel ĉiu homo, kiu trovos tiujn esperantaĵojn, povos ekstudi nian lingvon kaj konatiĝu kun la centraj fundamentoj de nia tutmonda movado: Mallonga antaŭparolo informas pri Zamenhof, kaj la ŝlosiloj aldonotaj informo pri la interna organizado de ĉiu landa Esperanto-societo.

Ne forgesu elprovi tiun novan varbadon! Oni povas mendi la broŝuron ĉe la naciaj libroagentejoj aŭ direkte ĉe SES aŭ la kongresa oficejo en Bern.

# 2a listo de kongresanoj

233. S. A. Sundin, Växjö, Svedujo.
234. S-ino B. M. Sundin, Växjö, Svedujo.
235. F-ino M. Jay, Bishop Auckland, Britujo.
236. F-ino E. Downes, Barry, Britujo.
237. F-ino M. Newton, Darwen, Britujo.
238. S-ino E. Caudwell, Bournemouth, Britujo.
239. R. F. Jervis, Slough, Britujo.
240. S-ino E. M. Jervis, Slough, Britujo.
241. F-ino P. M. Jervis, Slough, Britujo.
242. S-reto A. F. Jervis, Slough, Britujo.
243. F-ino M. M. A. Whittle, Manchester, Britujo.
244. S-ro H. Shore, Exeter, Britujo.
245. S-ino G. E. Shore, Exeter, Britujo.
246. F-ino B. M. Savage, Hastings, Britujo.
247. F-ino Edith Mc Garvie, Burnley, Britujo.
248. F-ino Elizabeth Mc Garvie, Burnley, Britujo.
249. F-ino K. Lechner, Thames Ditton, Britujo.
250. S-ino D. Doggart, Roughles, Britujo.
251. R. M. Roseti, Wrexham, Britujo.
252. S-ino C. Roseti, Wrexham, Britujo.
253. C. L. Rossetti, Stockport, Britujo.
254. S-ino E. Rossetti, Stockport, Britujo.
255. S-reto A. Rossetti, Stockport, Britujo.
256. S-ino N. Hamilton, Hemsworth, Britujo.
257. H. Benson, Blackburn, Britujo.
258. H. K. Güpfert, Bern, Svislando.
259. P. Humberset, Le Locle, Svislando.
260. F-ino L. Bichsel, Hasle, Svislando.
261. F-ino E. Graeffe, Genève, Svislando.
262. J. Koch, Luzern, Svislando.
263. S-ino E. Lang, Bern, Svislando.
264. K. Ammann, Solothurn, Svislando.
265. R. Zumstein, Starrkirch, Svislando.
266. S-ino L. Marthaler, Ascona, Svislando.
267. F-ino N. Marthaler, Ascona, Svislando.
268. S-ino A. Montandon, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
269. S-ino S. Bourquin, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
270. H. Schaltegger, Meilen, Svislando.
271. W. Haase-Meister, Chur, Svislando.
272. Rezervita por Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj, Bern, Svislando.
273. Rezervita por Laborista Esperantista Grupo, Bern, Svislando.
274. H. H. Siegrist-Crevoisier, Basel, Svislando.
275. H. Lehner, Bern, Svislando.
276. S-ino F. Lehner, Bern, Svislando.
277. K. T. B. Gerdman, Stockholm, Svedlando.
278. S-ino G. M. Gerdman, Stockholm, Svedlando.
279. T. Sjöblom, Stockholm, Svedlando.
280. S. G. Samelius, Visby, Svedlando.
281. H. G. E. Carrfors, Stockholm, Svedlando.
282. S-ino S. C. E. Carrfors, Stockholm, Svedlando.
283. M. Mattle, Oberriet, Svislando.
284. F-ino H. Reymond, Cotterd, Svislando.
285. M. M. Braet, Nieuwpoort, Belgujo.
286. L. Braet, Nieuwpoort, Belgujo.
287. S-ino M. V. Braet, Nieuwpoort, Belgujo.
288. H. Dodson, Willaston-in-Wirral, Britujo.
289. M. H. Dodson, Willaston-in-Wirral, Britujo.
290. F-ino E. Ryden, Blackburn, Britujo.
291. F-ino A. L. Borel, London, Britujo.
292. J. W. Chambers, Bournemouth, Britujo.
293. S-ino V. Chambers, Bournemouth, Britujo.
294. F-ino F. D. Priestman, Newport, Essex, Britujo.
295. F-ino B. Bowell, Birmingham, Britujo.
296. F-ino E. E. Rothwell, Romford, Britujo.
297. J. M. Baxter, Glasgow, Britujo.
298. C. G. Chinn, Welwyn Garden City, Britujo.
299. S-ino L. A. Chinn, Welwyn Garden City, Britujo.
300. G. A. Patton, Bangor, N. Irlando.
301. D. J. Marschall, Warminster, Britujo.
302. B. Grimshaw, Blackburn, Britujo.
303. F-ino M. Lavender, Manchester, Britujo.
304. F-ino M. M. Hogben, Little Waltham, Britujo.
305. T. Bond, Burnley, Britujo.
306. S-ino A. Bond, Burnley, Britujo.
307. T. Parkinson, Burnley, Britujo.
308. S-ino A. Parkinson, Burnley, Britujo.
309. F-ino M. B. Dearlove, Manchester, Britujo.
310. H. Jäcks, Manchester, Britujo.
311. W. F. Westmancote, Bristol, Britujo.
312. F-ino E. M. Bolton, Blackburn, Britujo.
313. F-ino I. M. Danks, London, Britujo.
314. J. Hartley, Manchester, Britujo.
315. F-ino N. Broadhurst, Manchester, Britujo.
316. J. J. Ingham, Blackpool, Britujo.
317. S-ino N. Ingham, Blackpool, Britujo.
318. H. H. Kürsteiner, St. Gallen, Svislando.
319. S-ino A. Kürsteiner, St. Gallen, Svislando.
320. W. Kobelt, Marbach, Svislando.
321. S-ino M. Jaccard, Morges, Svislando.
322. R. Huber-Muff, Luzern, Svislando.
323. S-ino R. Gigandet, Solothurn, Svislando.
324. Alfred Egg, Dietikon, Svislando.
325. C. Jayet, Morges, Svislando.
326. F-ino O. Hugentobler, Zürich, Svislando.
327. N. Kullander, Vimmerby, Svedujo.
328. Nils Olsson, Höör, Svedujo.
329. Olle Olsson, Vimmerby, Svedujo.
330. F-ino L. Gustafson, Vimmerby, Svedujo.
331. F-ino G. Hammarstrand, Vimmerby, Svedujo.
332. F-ino G. M. Dew, Bristol, Britujo.
333. F-ino F. H. Hanbury, Woking, Britujo.
334. F-ino M. E. Wagland, Sheffield, Britujo.
335. S-ino M. K. D. Freeman, London, Britujo.
336. R. J. M. Freeman, London, Britujo.
337. F-ino E. Dennis, London, Britujo.
338. J. Guggisberg, Niederbütschel, Svislando.
339. S-ino H. Warren, London, Britujo.
340. F-ino D. McLay, Manchester, Britujo.
341. F-ino M. E. Larrad, Manchester, Britujo.
342. W. H. Wilson, Liverpool, Britujo.
343. W. Grice, Bolton, Britujo.
344. S-ino D. Grice, Bolton, Britujo.
345. F-ino N. Durham, Blackburn, Britujo.
346. F-ino M. W. Counsell, Blackburn, Britujo.
347. F-ino J. Lindsay, Ashton-u-Lyne, Britujo.
348. F-ino H. Nuttall, Blackburn, Britujo.
349. S-ino E. O. Orman-Burr, Hertford, Britujo.
350. H. W. Burr, Hertford, Britujo.
351. J. Holden, Rochdale, Britujo.
352. F-ino S. V. Reed, Letchworth, Britujo.
353. F-ino V. Reed, Letchworth, Britujo.
354. S-ino I. Tritton, Stotfold, Britujo.
355. P. F. Vander-Borght, Letchworth, Britujo.
356. R. Harding, Jarrow, Britujo.
357. F. Netrval, Blackburn, Britujo.
358. K. Hitlpold, Corseaux, Svislando.
359. S-ino F. Hiltpold, Corseaux, Svislando.
360. Emil Müller, Zürich, Svislando.
361. D. P. Faux, Painswick, Britujo.
362. H. A. Beck, Gloucester, Britujo.
363. F-ino D. Tyler, Nailsworth, Britujo.
364. Jan Molnàr, Praha, Cenoslovakio.
365. P. M. Carolfi, Forli, Italujo.
366. George Salz, Bern, Svislando.
367. Willi Nüesch, Balgach, Svislando.
368. F-ino A. M. G. Lindh, Stockholm, Svedujo.
369. S-ino M. H. E. Colliander, Stockholm, Svedujo.
370. F-ino A. S. A. Vogel, Stockholm, Svedujo.
371. S-ino Friedy Schaerer, Thun, Svislando.
372. Werner Tanner, Zürich, Svislando.
373. Karl Jost, Zürich, Svislando.
374. John Robertson, Bern, Svislando.
375. S-ino Lilli Robertson, Bern, Svislando.
376. A. Matthiasson, Reykjavik, Islando.
377. B. Haraldsson, Reykjavik, Islando.
378. B. Svanbergsson, Reykjavik, Islando.
379. E. Bergmann, Reykjavik, Islando.
380. F-ino G. Benjaminsdottir, Reykjavik, Islando.
381. S-ino G. J. Einarsdottir, Reykjavik, Islando.
382. F-ino H. Bachmann, Reykjavik, Islando.
383. H. Helgadottir, Reykjavik, Islando.
384. F-ino I. Arnadottir, Reykjavik, Islando.
385. J. Bjarnason, Reykjavik, Islando.
386. J. Hjalmsson, Reykjavik, Islando.
387. F-ino J. Arnadottir, Reykjavik, Islando.
388. N. Gudmundsson, Reykjavik, Islando.
389. F-ino C. E. Steinadottir, Melasveit, Islando.
390. P. Haraldsson, Reykjavik, Islando.
391. F-ino R. Vigfusdottir, Reykjavik, Islando.
392. S-ino R. Petursdottir, Reykjavik, Islando.
393. F-ino R. Gestsdottir, Reykjavik, Islando.
394. Skùli Helgason, Reykjavik, Islando.
395. Steingrimur Helgason, Reykjavik, Islando.
396. S. Sveinbjörnsson, Reykjavik, Islando.
397. T. Sveinbjörnsson, Reykjavik, Islando.
398. V. Davidsson, Reykjavik, Islando.
399. T. Jónsson, Reykjavik, Islando.
400. T. Magnússon, Reykjavik, Islando.
401. F-ino E. E. Mallett, Edgeware, Britujo.
402. F-ino F. M. Wadsworth, Leicester, Britujo.
403. S-ino F. Abbott, Leicester, Britujo.
404. F-ino M. T. J. Lippert, London, Britujo.
405. H. Berry, Burnley, Britujo.
406. R. M. Shiers, Salford, Britujo.
407. E. M. Preston, Bristol, Britujo.
408. S-ino A. K. Preston, Bristol, Britujo.
409. F. Lewis, Burnley, Britujo.
410. S-ino M. A. Lewis, Burnley, Britujo.
411. J. W. Bateman, Rochester, Britujo.
412. S-ino E. G. G. Bateman, Rochester, Britujo.
413. J. R. Bursey, Chatham, Britujo.
414. E. R. Holt, Chatham, Britujo.
415. C. T. Henderson, Poynton, Britujo.
416. S-ino C. T. Henderson, Poynton, Britujo.
417. H. Parker, Cleveleys, Britujo.
418. W. Bamber, Blackpool, Britujo.
419. S-ino E. Grout, London, Britujo.
420. F-ino M. E. Hulson, Weston-super-Mare, Britujo.
421. F-ino S. Jones, Weston-super-Mare, Britujo.
422. F-ino J. Toogood, Weston-super-Mare, Britujo.
423. F-ino M. I. Paul, Weston-super-Mare, Britujo.
424. F-ino G. E. Cock, Christchurch, Britujo.
425. W. T. Head, Weston-super-Mare, Britujo.
426. S-ino E. Head, Weston-super-Mare, Britujo.
427. D. Rankin, Weston-super-Mare, Britujo.
428. S-ino E. V. Rankin, Weston-super-Mare, Britujo.
429. T. J. Footman, Birmingham, Britujo.
430. S-ino M. A. Footman, Birmingham, Britujo.
431. F-ino R. S. Footman, Birmingham, Britujo.
432. F-ino L. M. Leathers, Ipswich, Britujo.
433. F-ino P. C. M. Farley, Bristol, Britujo.
434. Kurt Burghold, Bern, Svislando.
435. L. Weber, Zug, Svislando.
436. L. E. Pfahl, Croydon, Australio.
437. S-ino L. Malmgren, Stockholm, Svedujo.
438. A. E. Roos, Norrköping, Svedujo.
439. Rezervita.
440. A. Doppler, Baden, Svislando.
441. W. Matthey, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
442. Hans Noll, Dietlikon, Svislando.
443. F-ino H. Rietmann, Herisau, Svislando.
444. S-ino F. Weber, Bern, Svislando.
445. O. Berger, Bern, Svislando.
446. F-ino A. Früh, St. Gallen, Svislando.
447. F. Liechti, Rheineck, Svislando.
448. S-ino H. Liechti, Rheineck, Svislando.
449. E. Matthey Doret, Le Landeron, Svislando
450. S-ino E. Walder, Romanshorn, Svislando.
451. E.-J. Cortvriendt, Brussel, Belgujo.
452. F-ino E. Steinmann, Bern, Svislando.
453. S-ino L. Bodmer, Zürich, Svislando.
454. Prof. W. Perrenoud, Neuchâtel, Svislando.
455. Hattemer, sen., Solothurn, Svislando.
456. S-ino G. Stenström, Ulricehamn, Svedujo.
457. E. Rumpel, Lugano, Svislando.
458. S-ino M. van Dordrecht-Warbout, Breda, Nederlando.
459. M. C. van Dordrecht, Breda, Nederlando.
460. Rezervita.
461. F. Schwarz, Thun, Svislando.
462. S-ino J. M. Ravestein, Den Haag, Nederlando.
463. F-ino I. M. Cochrane, Dunfermline, Skotlando, Britujo.
464. R. Scott, Letchworth, Britujo.
465. S-ino R. Scott, Letchworth, Britujo.
466. O. Kohn, Zagreb, Jugoslavujo.
467. S-ino Z. Srdeliz, Zagreb, Jugoslavujo.
468. M. Gjivoje, Zagreb, Jugoslavujo.
469. F. Heikenwälder, Prostejov, Cehoslovakio.
470. G. B. Tordoff, Bristol, Britujo.
471. L. OhUiginn, Dublin, Irlando.
472. S-ino S. UiUiginn, Dublin, Irlando.
473. A. Borcic, Zagreb, Jugoslavujo.
474. F-ino L. Borcic, Zagreb, Jugoslavujo.
475. S-ino B. Vanek, Varazdin, Jugoslavujo.
476. F-ino J. Manojlovic, Zagreb, Jugoslavujo.
477. A. W. Rowe, London, Britujo.
478. J. Muir, Dundee, Britujo.
479. F-ino I. F. Muir, Dundee, Britujo.
480. F-ino E. L. Parson, Bristol, Britujo.

481. S-ino G. M. Burnett, Bristol, Britujo.
482. E. W. Woodruff, Sutton, Britujo.
483. S-ino L. M. Woodruff, Sutton, Britujo.
484. F-ino E. M. Williams, Felton, Britujo.
485. F-ino A. Solar, London, Britujo.
486. S-ino E. C. Oliver, Rickmansworth, Britujo.
487. J. K. Blagrave, Bromley, Britujo.
488. R. J. Fanner, Southampton, Britujo.
489. S-ino R. W. Gaunt, Okehampton, Britujo.
490. F. Merrick, London, Britujo.
491. J. P. W. Murray, Fochabers, Britujo.
492. S-ino N. C. Alexander, New Malden, Britujo.
493. K. Alexander, New Malden, Britujo.
494. F-ino E. Squire, West Hartlepool, Britujo.
495. F-ino D. M. Solomon, Llandudno, Britujo.
496. G. F. Fussell, Bristol, Britujo.
497. F. Yeomans, Kirkby-in-Furness, Britujo.
498. S-ino E. Yeomans, Kirkby-in-Furness, Britujo.
499. F-ino R. Snowden, Nelson, Britujo.
500. S-ino H. Roberts, Margate, Britujo.
501. F-ino J. Cambray, Manchester, Britujo.
502. F-ino A. Moore, Liverpool, Britujo.
503. F-ino L. Lambert, Burnley, Britujo.
504. J. S. Roy, London, Britujo.
505. F-ino E. Howarth, Burnley, Britujo.
506. F-ino V. Greenwood, Burnley, Britujo.
507. M. L. Ainsworth, Burnley, Britujo.
508. S-ino A. Ainsworth, Burnley, Britujo.
509. K. Mackenzie, Nelson, Britujo.
510. S-ino V. MacKenzie, Nelson, Britujo.
511. F-ino E. Richardson, Great Harwood, Britujo.
512. S-ino A. Counsell, Cheadle, Britujo.
513. John Counsell, Cheadle, Britujo.
514. Frank Taylor, Halifax, Britujo.
515. S-ino H. Taylor, Halifax, Britujo.
516. R. G. Morris, Neath, Britujo.
517. S-ino D. M. Worcester, London, Britujo.
518. A. W. Worcester, London, Britujo.
519. F-ino S. M. Lock, St. Andrew's Park, Britujo.
520. S-ino C. I. James, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
521. J. Brownlee, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
522. S-ino F. Brownlee, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
523. F-ino H. A. McAllister, Edinburgh, Britujo.
524. J. Merrill, Salford, Britujo.
525. F-ino A. M. Riley, Leeds, Britujo.
526. F-ino E. M. Neale, Leeds, Britujo.
527. F-ino E. C. Bailey, Leeds, Britujo.
528. A. Sharpe, Nelson, Britujo.
529. S-ino M. S. Sharpe, Nelson, Britujo.
530. F-ino R. M. Haworth, Burnley, Britujo.
531. F-ino A. Bradshaw, Burnley, Britujo.
532. F-ino G. Haworth, Burnley, Britujo.
533. F-ino K. Derbyshire, Blackburn, Britujo.
534. I. Gomes Braga, Rio de Janeiro, Brazilo.
535. G. Moura Florêncio, Lisboa, Portugalujo.
536. S-ino M. R. Queimado Florêncio, Lisboa, Portugalujo.
537. G. D. Edwards, London, Britujo.
538. J. D. Sayers, Brooklyn, Usono.
539. S-ino E. T. Sayers, Brooklyn, Usono.
540. J. White, Manchester, Britujo.
541. E. W. Sarfas, New Barnet, Britujo.
542. C. P. Cocks, Croydon, Britujo.
543. E. C. Malley, Garstang, Britujo.
544. S-ino M. Malley, Garstang, Britujo.
545. C. E. Wade, Rochester, Britujo.
546. S-ino A. E. Wade, Rochester, Britujo.
547. F-ino H. Howard, London, Britujo.
548. F-ino L. Marsden, Huddersfield, Britujo.
549. S-ino E. M. Lockwood, Huddersfield, Britujo.
550. F-ino M. C. Haigh, Huddersfield, Britujo.
551. A. E. Hirst, Huddersfield, Britujo.
552. S-ino A. E. Hirst, Huddersfield, Britujo.
553. W. H. Hirst, Huddersfield, Britujo.
554. S-ino W. H. Hirst, Huddersfield, Britujo.
555. S ino R. H. Stephenson, Huddersfield, Britujo.
556. A. Krolenbaum, Stanmore, Britujo.
557. R. Smith, Burnley, Britujo.
558. F-ino I. M. Anderson, Rochester, Britujo.
559. F-ino N. Ford, Bournemouth, Britujo.
560. F-ino P. T. Stroud, Corfe Castle, Britujo.
561. F-ino E. D. M. Stroud, Corfe Castle, Britujo.
562. A. T. Stroud, Corfe Castle, Britujo.
563. F-ino E. E. Ford, Bournemouth, Britujo.
564. F-ino E. I. Ford, Bournemouth, Britujo.
565. F-ino P. B. Stephenson, London, Britujo.
566. F-ino C. Simms, Manchester, Britujo.
567. F-ino A. Mills, Salford, Britujo.
568. S-ino E. S. G. Salmon, Okehampton, Britujo.
569. P. E. B. Salmon, Okehampton, Britujo.
570. F-ino G. M. Reardon, West Wickham, Britujo.
571. N. H. Kew, Bristol, Britujo.
572. F-ino J. D. H. Kew, Bristol, Britujo.
573. Pastro F. A. Kew, Bristol, Britujo.
574. S-ino E. B. Kew, Bristol, Britujo.
575. Pastro W. J. Downes, Bristol, Britujo.
576. P. L. Wright, London, Britujo.
577. F-ino M. Such, Leeds, Britujo.
578. F-ino D. F. Wilkinson, Leeds, Britujo.
579. D. Pereira de Souza, Rio de Janeiro, Brazilo.
580. L. Azeredo Coutinho, Belo Horizonte, Brazilo.
581. F. A. Postnikov, Little Rock, Usono.
582. S-ino H. Simonett, Bern, Svislando.
583. G. Vassio, Torino, Italujo.
584. L. Birindelli, Torino, Italujo.
585. W. Anjou, Billdal, Svedujo.
586. S-ino E. Anjou, Billdal, Svedujo.
587. Rich. G. Nielsen, Rudköbing, Danujo.
588. F-ino M.-L. J. G. Dockx, Burcht, Belgujo.
589. F-ino Elisabeth Dockx, Burcht, Belgujo.
590. F-ino M.-J. Top, Veurne, Belgujo.
591. F-ino A. Dahlgren, Sundsvall, Svedujo.
592. J. Shuttleworth, Burnley, Britujo.
593. S-ino E. Shuttleworth, Burnley, Britujo.
594. G. C. Jervis, Redditch, Britujo.
595. P. Griffiths, Uttoxeter, Britujo.
596. F-ino C. S. Caldwell, Helensburgh, Britujo.
597. A. Moore, Glenfield, Britujo.
598. F-ino M. W. Caldwell, Helensburgh, Britujo.
599. F-ino J. H. Petty, Burnley, Britujo.
600. W. G. Atkinson, Walton-on-Naze, Britujo.
601. D. S. O hEachaidh, Dublin, Irlando.
602. N. R. Smith, Swindon, Britujo.
603. K. G. Mundell, Swindon, Britujo.
604. R. J. Verth, Edinburgh, Britujo.
605. F-ino L. M. Heathcote, St. Helens, Britujo.
606. F-ino B. Ashby, Newquay, Britujo.
607. F-ino D. Vickers, Sheffield, Britujo.
608. S-ino H. Waller, Sheffield, Britujo.
609. F-ino E. Garraway, Sheffield, Britujo.
610. F-ino E. M. Trengove, Rishton, Britujo.
611. S-ino D. A. Fox, Chichester, Britujo.
612. J. Andrew, Darwen, Britujo.
613. S-ino M. A. Andrew, Darwen, Britujo.
614. S-reto J. Andrew, Darwen, Britujo.
615. F-ino S. B. Fox, Richmond, Britujo.
616. F-ino M. Sephton, St. Helens, Britujo.
617. F-ino M. E. Bennett, Bristol, Britujo.
618. D. J. Langman, Birmingham, Britujo.
619. S-ino W. M. Teare, Liverpool, Britujo.
620. G. N. Teare, Liverpool, Britujo.
621. F-ino E. Winstanley, Manchester, Britujo.
622. F-ino I. Robison, Manchester, Britujo.
623. F-ino I. Hunt, Bristol, Britujo.
624. N. Lock, Bristol, Britujo.
625. F-ino M. Luty, Halifax, Britujo.
626. R. H. Osborne, Etwall, Britujo.
627. S-ino R. Marshall, Burnley, Britujo.
628. S-ino E. M. Webster, Burnley, Britujo.
629. T. Thompson, Nelson, Britujo.
630. S-ino R. E. Thompson, Nelson, Britujo.
631. C. Clark, Letchworth, Britujo.
632. F-ino E. Burton, Rishton, Britujo.
633. F-ino J. Riding, Blackburn, Britujo.
634. T. E. Duckett, Bristol, Britujo.
635. S-ino P. Duckett, Bristol, Britujo.
636. F-ino D. P. R. Spooner, Birmingham, Britujo.
637. S-ino E. Wolfskehl, London, Britujo.
638. J. H. Waters, Southport, Britujo.
639. F-ino J. F. Randall, Shrewsbury, Britujo.
640. F-ino C. A. Startup, Southall, Britujo.
641. O. Brandt, Krefeld, Germanujo.
642. S-ino Brandt, Krefeld, Germanujo.
643. S-ino Ida Mittelholzer, Uzwil, Svislando.
644. F-ino E. Näslund, Uppsala, Svedujo.
645. F-ino E. Lindmark, Avaheden, Svedujo.
646. F-ino S. Kannikko, Avaheden, Svedujo.
647. S-ino H. Cederholm, Malmö, Svedujo.
648. S-ino E. Forssell, Malmö, Svedujo.
649. S-ino E. Lundström, Malmö, Svedujo.
650. F-ino D. Nilsson, Malmö, Svedujo.
651. F-ino M. G. Sintobin, Lichtervelde, Belgujo.
652. S-ino H. Schoofs Fr., Antwerpen, Belgujo.
653. F-ino J. P. Knight, Reading, Britujo.
654. G. B. Hunter, Edinburgh, Britujo.
655. E. Collins, Plymouth, Britujo.
656. F-ino R. Dean, Hebden Bridge, Britujo.
657. F-ino E. Clerehugh, Mexborough, Britujo.
658. F-ino D. Phillips, Bristol, Britujo.
659. F-ino J. Phillips, Bristol, Britujo.
660. H. Hargreaves, Chaddesden, Britujo.
661. S-ino L. A. Hargreaves, Chaddesden, Britujo.
662. P. W. Hargreaves, Chaddesden, Britujo.
663. F-ino N. J. Hargreaves, Chaddesden, Britujo.
664. F-ino D. M. Fulford, Bristol, Britujo.
665. F-ino O. Barrett, Bristol, Britujo.
666. F-ino O. Gouldthorpe, Luton, Britujo.
667. F-ino M. L. Boyd, Edinburgh, Britujo.
668. F-ino E. E. Wolledge, Bexley, Britujo.
669. F-ino E. Smith, Keighley, Britujo.
670. C. A. Barnes, Beckenham, Britujo.
671. S-ino E. F. Barnes, Beckenham, Britujo.
672. G. N. Whitaker, Burnley, Britujo.
673. W. H. Browne, Coulsdon, Britujo.
674. S-ino E. Wainwright, Nelson, Britujo.
675. J. C. D. Smith, Burnley, Britujo.
676. S-ino B. Mitchell, Nelson, Britujo.
677. A. Mitchell, Nelson, Britujo.
678. F-ino G. Merz, Bern, Svislando.
679. A. Labit, Tourcoing, Francujo.
680. A. B. Malmkvist, Visby, Svedujo.
681. S-ino K. Malmkvist, Visby, Svedujo.
682. H. Almén, Traneberg, Svedujo.
683. S-ino V. M. K. Forslund, Visby, Svedujo.
684. E. Krenger, Bern, Svislando.
685. E. Adamson, Göteborg, Svedujo.
686. S-ino A. E. Adamson, Göteborg, Svedujo.
687. F-ino I. M. Adamson, Göteborg, Svedujo.
688. A. Paulsson, Ystad, Svedujo.
689. S-ino M. L. Paulsson, Ystad, Svedujo.
690. F-ino K. Waldén, Ystad, Svedujo.
691. F-ino M.-A. Stücheli, Bern, Svislando.
692. F-ino H. C. Davies, Bournemouth, Britujo.
693. F-ino H. Gray, Glasgow, Britujo.
694. J. Watson, Dunfermline, Britujo.
695. F-ino D. M. Sudell, Morecambe, Britujo.
696. G. Bevan, Wrexham, Britujo.
697. F. Rayton, Blackburn, Britujo.
698. S-ino M. A. Rayton, Blackburn, Britujo.
699. J. Mayman, Blackburn, Britujo.
700. S-ino B. Meredith, Birmingham 28, Britujo.
701. S-ino Foley, Bolton, Britujo.
702. C. A. Baker, Alphington, Britujo.
703. S-ino J. A. Martin, Stroud, Britujo.
704. F-ino E. M. Whitehead, Bolton, Britujo.
705. F-ino D. M. Goodby, Bolton, Britujo.
706. F-ino F. Griffin, Portshead, Britujo.
707. F-ino E. McInnes, Manchester, Britujo.
708. S-ino R. Foulds, Matlock, Britujo.
709. F-ino M. R. Dronfield, Matlock, Britujo.
710. P. Schalmey, Hannover, Germanujo.
711. T. Kutzli, St. Gallen, Svislando.
712. F-ino M. I. M. Andersson, Norrköping, Svedujo.
713. P. Hübner, Köln, Germanujo.
714. A. De Maertelaere-Bentos, Gent, Belgujo.
715. M. De Clercq, Gent, Belgujo.
716. F-ino W. Johanson, Stockholm, Svedujo.
717. Teodor Julin, Stockholm, Svedujo.
718. S-ino Eva Julin, Stockholm, Svedujo.
719. S. Nummelin, Stockholm, Svedujo.
720. G. E. Munn, Sheffield, Britujo.
721. F-ino D. B. Poppleton, Grimsby, Britujo.
722. C. T. A. King, Sheffield, Britujo.
723. F-ino F. Warren, Grimsby, Britujo.
724. F-ino A. Bancroft, Blackburn, Britujo.
725. W. H. Sheppard, Bristol, Britujo.
726. G. O Cléirigh, Dublin, Irlando.
727. S. MacFeorais, Dublin, Irlando.
728. F-ino H. Helme, Keighley, Britujo.
729. S-ino C. Morris, Wigan, Britujo.
730. F-ino A. Parr, Wigan, Britujo.
731. F-ino Howarth, Wigan, Britujo.
732. F-ino Kirkman, Wigan, Britujo.
733. S-ino L. Atherton, Manchester, Britujo.
734. J. Atherton, Manchester, Britujo.
735. S-ino L. Townsley, Nelson, Britujo.
736. R. I. Stephenson, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
737. S-ino O. Stephenson, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
738. F-ino E. Rogers, Southport, Britujo.
739. F-ino I. S. M. Arnroth, Norrköping, Svedujo.
740. B. Fogelberg, Stockholm, Svedujo.

**Resumo:** Australio 2, Austrio 1, Belgujo 19, Brazilo 4, Britujo 471, Bulgarujo 1, Cehoslovakio 7, Danujo 2, Finnlando 2, Francujo 10, Germanujo 5, Irlando 5, Norda Irlando 1, Islando 27, Italujo 4, Jugoslavujo 8, Nederlando 6, Norvegujo 2, Portugalujo 3, Svedujo 57, Svislando 103, Usono 6. Entute 740 el 22 landoj.

N-ro 3 Bern, la 27-an de Junio 1947




Oficiala Kongres-Gazeto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 26-a Julio – 2-a Aŭgusto 1947 – Bern – Svislando

Eldonas Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 20. – Aperas laŭ bezono

# Volo kaj povo

Jam nur estas malmultaj tagoj inter ni kaj la komenco de la unua postmilita Esperanto-kongreso. Sed ni jam hodiaŭ povas konstati, ke la organizo de la lasta kongreso antaŭ la milito estis nura infana ludo kompare al la laboro, kiun ni ĉi-foje havis. Kelkfoje ŝajnas kvazaŭ la tuta mondo estus plena nur de malfacilaĵoj. Kaj je tiu okazo mi vere konsciiĝis, kiel granda estas la diverseco inter «volo» kaj «povo».

Tio montriĝis en ĉiuj kazoj eblaj, sed precipe ĉe la gigantaj devizaj malfacilaĵoj, kiuj antaŭ ĉio malhelpis la partoprenemulojn el la landoj kun malfortaj devizoj. Meritas pro tio nian dankon la svisaj legacioj en eksterlando kaj la svisa departemento de la ekstero ke ili laŭ sia eblo klopodis por la solvo de tiuj malfacilaj demandoj. Tamen kompreneble ankaŭ ili ne estas ĉiopovaj, kaj fakte estante nuraj reprezentantoj de fremda registaro nur povis apelacii al la bona volo de la koncernaj registaroj. En kelkaj kazoj la demarŝoj tamen havis pozitivan rezulton. Ke ili ne ĉie povis sukcesi, oni komprenas se oni konas la ekonomian situacion de la koncernaj landoj.

Doloras precipe la Bernan LKK, ke ne estis eble fratigi la volon kun la povo: ni ricevis tiel amasajn demandojn pri senpaga loĝigo, ke ni devus esti tre riĉaj homoj — kaj ne nur malriĉaj Esperantistoj — por povi akcepti ĉiujn. La Bernaj Esperantistoj kaj aliaj samideanoj faris kion ili povis, kaj multaj el niaj amikoj povos loĝi ĉe ili. Sed por povi loĝigi ĉiujn, kiuj sopiris al la Berna kongreso, ni estus bezonintaj milojn kaj milojn da frankoj, kiujn bedaŭrinde ni ne posedas. Eble kelkiuj kun doloro pensos pri ni dum la tagoj de la kongreso; sed malfeliĉe la parolo de Napoleono «vouloir c'est pouvoir» ne estas tute ĝusta. Ni havis la volon, sed ne la povon plenumi al ĉiuj iliajn dezirojn.

Ankaŭ la ceteraj loĝaj demandoj kaŭzis al ni multan penon. Bern estas, kiel ĉiuj aliaj urboj depost la komenco de la milito, tro plenigita loko, ĉar la federaciaj oficejoj de la milita ekonomio kaj aliaj administraj «benoj», kiujn la milito alportis, forprenis multe da loko. Krome la kongreso okazas en la mezo de la ĉefsezono kaj de la libertempo, kaj — oni devas scii — ekzistas ankoraŭ miloj da ne-Esperantistoj, kiuj ankaŭ deziras veni al Svislando kaj kiuj jam multajn monatojn antaŭe mendis siajn hotelĉambrojn. Tamen, ankaŭ ni faris nian eblon kaj kredas, ke ni fine superis la plej grandajn malfacilaĵojn. Kompreneble ni tre ĝojas, ke tiom da eksterlandaj amikoj volas viziti Svislandon, kiun kvazaŭ mirakle la milito ne domaĝis. Sed ĉiu konas la situacion, se subite ĉiuj ŝatataj vizitantoj volas veni en la sama tempo; ni do havos iomete tro plenan gastejon.

Kiel disaj volo kaj povo ofte estas, nia ankaŭ rimarkis ĉe aliaj okazoj. Ekzemple la nederlanda registaro rifuzis oficiale reprezentigi sin en la kongreso sub la preteksto ke la nuna politika situacio ne permesas la uzon de Esperanto en internaciaj konferencoj kaj ke ĝi ankaŭ kiel komerca lingvo en proksima estonto ne havos ŝancon. Kaj tio okazis en lando, kie ekzistas tre forta Esperantomovado! Ĝuste en Nederlando ni pensis, ke nia afero progresis pli ol aliloke. La volo de la nederlandaj Esperantistoj certe estas forta, sed kiom da laboro estas ankoraŭ antaŭ ili. Cetere tiu sinteno de la Nederlanda registaro koincidas kun ĝia konstanta rifuzo permesi al la nederlandanoj la necesajn devizojn por la vizito de la kongreso. Kvankam ni komprenas la ekonomiajn malfacilaĵojn de tiu lando, ni senfine bedaŭras, ke ĝuste niaj nederlandaj samideanoj eble tute ne estos reprezentataj.

Ne multe pli bona estas la situacio en Svislando. La ĝenerala direkcio de la svisaj federaciaj fervojoj deklaris, ke Esperanto ne havas praktikan valoron. Kaj tion ili diras post kiam jam tri universalaj kongresoj de Esperanto okazis en Svislando. Certe, la movado en Svislando estas relative malgranda. Tio eble dependas de tio, ke Svislando jam havas kvar lingvojn kaj ke ĉiu sviso, kiu havas certan memestimon, scipovas almenaŭ du lingvojn, kaj pro la fremdultrafiko la lernado de la angla lingvo estas tre disvastigita. Sed kio estas la kazo de Nederlando kaj de Svislando, certe ankaŭ estas tiu de la aliaj landoj:

Mankas la oficiala rekono, mankas la reala sukceso. Ke nin inspiras la volo al la venko, estas sendube. Sed en ĉi tiu rilato volo kaj povo ne estas tiel malproksimaj unu de la alia. Sed la kondiĉo estas, ke ni fine sukcesos ne nur konvinki la influajn personojn de la unuopaj landoj sed akiri ilin por nia movado. Estas bele, ke nia movado forte kreskas. Sed tio ne sufiĉas. Gravas ĝia decidiga forto. Ni pro tio en nia Tridekdua havos multon por fari, se ni volas prepari la «mondkonkeron» per nia Esperanto tiel, ke ĝi havos sukceson. Ne sufiĉas por tio havi bonan generalstabon. La kunlaboro de la Esperantistoj de la unuopaj landoj kaj inter la unuopaj landoj en la universala ligo estos decidiga, same nia batalemo. Ni bezonas Esperanto-armeon. Tiun ni devas organizi en Bern.

H. Buchli, Prezidanto de la L. K. K.

# Definitiva kongres-programo

**Vendredo, la 25-a de Julio.**

*Kongresoficejo en la ĉefstacidomo:* vizitebla 9.00 ĝis 22.00.
Post via alveno en la stacidomo, ne forgesu eniri la oficejon por havigi viajn dokumentojn kaj informojn.

**Sabato, la 26-a de Julio.**

*Kongresoficejo en la ĉefstacidomo:* vizitebla de 8.00 ĝis alveno de la lastaj trajnoj.
15.30 *Kunsido de IEL-estraro kaj LKK* en Hotelo Metropole.
Poste vizito de la kongresejo. (Kazino.)
20.00 *Interkonatiĝa vespero* en Kornhauskeller.
Ni petas, ke ĉiuj kongresanoj venu tien kaj se eble en naciaj kostumoj.
Eniro kontraŭ prezento de la kongreskarto.

**Dimanĉo, la 27-a de Julio.**

8.00 *Katolika diservo* en Dreifaltigkeitskirche en Taubenstrasse 4.
9.00 Malfermo de la kongresa poŝtejo apud la Kazino. (Kongresejo.) Malfermita ĝis la 12.00.
10.00 *Solena malfermo de la kongreso* en la granda salono de Kazino.
Jenaj estos invitataj:
La Svisa Registaro, la Registaro de Kanton Bern, la Konsilantaro de la komunumo Bern, la Burĝa Konsilantaro en Bern, la diplomatoj kaj la honoraj gastoj.

*Programo:*

1. Orgenludado.
2. Parolado de la LKK-Prezidanto.
3. Parolado de la Svisa Registarano S-ro D-ro E. von Steiger, Federacia Konsilanto.
4. Parolado de representanto de la Berna Registaro.
5. Festparolado de la prez. de IEL, Generalo Bastien.
6. Orgenludado.
7. Elekto de kongresprezidanto kaj de la kongreskomitato.
8. Paroladeto de la kongresprezidanto.
9. Parolado de la reprezentantoj de la diplomataro.
10. Mallongaj salutoj de la reprezentantoj de la landaj asocioj.
11. Ĝeneralaj informoj.
12. Komuna kantado kun orgenludado Esperanta himno.

Eniro kontraŭ prezento de la kongreskarto.
15.00 *Solena Esperanto-diservo* en la katedralo „Münster".
16.30 *Fotado* de la kongresanaro sur la sportejo „Schwellenmätteli".
20.00 *Kunsido de IEL-komitato* en Hotelo Metropole.

**Lundo, la 28-a de Julio.**

Kongresejo vizitebla: 9.00—18.00.
9.00 Ekskurso al Jaun-pasejo. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.
9.30 *Unua laborkunsido* de la kongreso (Granda salono).
10.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo. Daŭro: 2 horoj.
14.00 *Fakaj kunsidoj:*
Unua kunveno de Kooperativa Esperantista Ligo. (Übungssaal.)
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. (Schützenstube.)
Unua kunveno de Kristana Esperantista Ligo Internacia. (KELI.) (Burgerrats-Saal.)
14.00 Ekskurso al Schwarzsee (Nigra Lago). Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.
14.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.
15.00 *Kunsido de IEL-komitato* en Hotelo Metropole.
17.00 Lingva Komitato en Hotelo Metropole.
20.15 *Prelegvespero* de Esperanto-verkistoj en la granda salono de la kongresejo.

**Mardo, la 29-a de Julio.**

Kongresejo vizitebla: 9.00—18.00.
7.00 Ekskurso al Susten-pasejo. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 20.00.
8.30 Ekskurso al Niesen. Foriro: Ĉefstacidomo. Reveno je la 19.06.
9.30 *Dua laborkunsido.* (Granda salono.)
10.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.
11.00 Kunveno de Katolikoj. (Burgerrat-Saal.)
14.00 *Fakaj kunsidoj:*
Unua kunveno de Internacia Instruista Kunlaboro (Übungssaal).
La Bar-rompantoj (Burgerrat-Saal).
Internacia Asocio de Poŝtmark-Kolektantoj (Schützenstube).
14.00 Ekskurso al Corniche. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.
14.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.
14.30 *Fakaj kunsidoj:*
Esperantistaj Rotarianoj en Hotelo Bristol. (Lunĉo je la 12.15 ĉe la Bernaj Rotarianoj.)
16.00 Pacifistoj. (Foyer en Kazino.)
17.00 *Kunsido de IEL-komitato.* (Hotelo Metropole.)
20.15 *Koncerto* en la granda salono de la kongresejo.

**Merkredo, la 30-a de Julio.**

Kongresejo vizitebla: 9.00—18.00.
6.30 Ekskurso al Jungfraujoch. (Unua grupo.) Foriro: Ĉefstacidomo. Reveno je la 20.06.
9.00 Ekskurso tra urboj kaj vilaĝoj. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.
9.30 *Fakaj kunsidoj:*
I.L.E.P.T.T. La subasocio. Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegrafoficistoj (P.T.T.). (Hotelo Metropole.)
Unua kunveno de Al Abundo. (Übungssaal.)
Psika esploro kaj spiritismo. (Burgerrat-Saal.)
10.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.
14.00 *Fakaj kunsidoj:*
Universala Ligo. (Granda Salono.)
Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio. (Schützenstube.)
KELI (Dua kunveno). (Burgerrat-Saal.)
14.00 Ekskurso al Chasseral. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.30.
15.00 Fak-kunsido de la vegetaranoj (Foyer).
20.15 *Varieteo* en la granda salono de la kongresejo.

**Ĵaŭdo, la 31-a de Julio.**

Kongresejo vizitebla: 9.00—18.00.
6.30 Ekskurso al Jungfraŭjoch. (Dua grupo.) Foriro: Ĉefstacidomo.
8.00 Ekskurso al Col de Pillon. Foriro: Kongresejo. Reveno de la 20.00.
9.00 *Fakaj kunsidoj:*
I.L.E.P.T.T. La subasocio: Fervojistoj. (Hotelo Metropole.)
Oksford-grupo. (Burgerrat-Saal.)
9.30 *Tria laborkunsido.* (Granda salono.)
10.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.
14.00 *Faka kunsido:* Bahaismo (Schützenstube).
14.00 Ekskurso al Trümmelbach. Foriro: Kongresejo. Reveno de la 20.00.
15.00 *Kunsido de IEL-komitato.* (Hotelo Metropole.)
17.00 Lingva Komitato en Hotelo Metropole.
20.30 *Kongresbalo* en Kazino (Kongresejo).

(Fino sur paĝo 3).



La bela, malnova Bern, ĉirkaŭata de rivero Aare, vidata de flugmaŝino

# Juveloj de la Berna arkitekturo

Se ni alproksimiĝas al Bern el oriento la urbo surprizas nin per tute aparta specialaĵo, kiun ne nur ĉiuj enloĝantoj, sed ankaŭ la fremdaj gastoj simpatias. Ĉi tiu specialaĵo estas la Foso de la Ursoj. Kaĝoj por ursoj ekzistas en multaj lokoj, sed mi vere ne konas unu, kiu estus tiel amuza kaj populara, kiel la berna Ursofoso, kaj ankoraŭ neniun, en kiu la blazonbestoj tiel fariĝis karakteruloj kaj efektivaj kunloĝantoj de la urbo. Tion nur Bern povas efektivigi — kaj kio estus Bern sen la ursoj ? La familiareco estas malnovega, kaj nur unufoje, dum la malfeliĉa epoko de 1798, kiam la respubliko suferis sub la suvereneco de Francujo, Bern dum mallonga tempo restis sen ursoj, kaj cetere ankaŭ estis prirabita kaj malhonorigita. Jam en malnovaj urbokalkuloj de la 15-a jarcento oni povas konstati, ke oni elspezis monon por la akirado kaj la nutrado de la ursoj. Kaj estis historia okazaĵo, ke la 14-an de Julio 1503 la kapitano May, revenante kun la berna soldataro el la batalo de Novara, inter la triumfa akiraĵo alkondukis ursidon. Por ĉi tiu besto kaj «kiel memoraĵo de tiu venko, oni ĉe la Kaĝa Turo konstruis hejmeton por la ursoj», tiel raportas la kronikisto Valerius Anshelm. Ankoraŭ nuntempe la nomo Bärenplatz (Placo de Ursoj) memorigas pri tiu iama loko de la ursejo.

El la Nydeckponto, alirejo al la urbo, oni vidas, kiel la

---

**Vendredo, la 1-a de Aŭgusto.**

Kongresejo vizitebla 9.00—18.00.

8.00 Granda Jura-veturado. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 20.00.

9.30 *Filmprezentado kaj parolado pri Svedujo.* La lando de la venonta kongreso. En la kinejo Capitol, Kramgasse 72 (apud Horloĝturo). Ĉiuj esperantistoj estos bonvenaj.

10.00 Rondveturado tra Bern. Foriro: Kongresejo.

11.00 *Fakaj kunvenoj:*
Dua kunveno de Internacia Instruista Kunlaboro. (Übungssaal.)
Dua kunveno de Al Abundo. (Burgerrat-Saal.)
Dua kunveno de Kooperativa Esperantista Ligo. (Schützenstube.)

14.00 Policista Ligo. (Schützenstube.)
Denaska Esperantistaro. (Übungssaal.)
Dua kunveno de Psika esploro kaj spiritismo. (Burgerrat-Saal.)

14.00 Ekskurso al 3 lagoj. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.

16.00 Eventuale: Lumbild-konferenco pri N. Zelando. (Übungssaal).

20.00 Partoprenado en grupoj en la *Svisa federacia festo.*

**Sabato, la 2-a de Aŭgusto.**

Kongresejo vizitebla: 9.00—12.00.

6.00 Granda transalpa veturado. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 20.30.

9.30 *Solena fermo de la kongreso.*

14.00 Ekskurso al Emmen-valo. Foriro: Kongresejo. Reveno je la 19.00.

malnova urbo dividiĝas je tri ĉefstratoj. Maldekstre la Junkrostrato etendiĝas ĝis la katedralo. Ĝi estis, la nomo ĝin diras, la preferita hejmo de la regantaj gentoj en la malnova Bern. Eĉ ankoraŭ nuntempe granda parto de la domoj apartenas al malnovaj patriciaj familioj. La ĉefa juvelo de la Junkrostrato estas la rezidejo Erlach, vera palaco de sinjoreca amplekso kaj kortega eleganteco. Konstruita de urbestro von Erlach, dum la jaroj 1744—1752, laŭ la stilo de Trianon en Versailles. La fiera aranĝo kun la vasta korto kaj la flankaj aleoj, la elegante arkitektura divido de la meza parto, kiu per pripensita, nobla digno regas la tutan konstruaĵon; kelke da belaĵoj, kiel ekzemple la ŝtuparo, la plenartaj kradoj, la ornameca aranĝo de la terasa ĝardeno, ĉio ĉi igas la rezidejon Erlach vera ornamaĵo. Nenie la fantazio pli bone povas imagi la vivadon de la berna ĝentilhomo ol ĉi tie, kie la eleganta korto ankoraŭ nuntempe ŝajnas esti preta akcepti kaleŝojn kaj palankenojn.

Kaj supren kaj malsupren tra la urbo, kiom da rokokaj fasadoj, kiom da noble-simplaj sinjordomoj, kiuj neniel trudeme interrompas la vicon de la burĝaj loĝaĵoj, sed kiuj tamen, dank' al la gracia proporcio kaj fasada ornamo pruvas sian emon al pli nobla vivado. Unu el la plej belaj bernaj barokkonstruaĵoj estas la tiel nomita «Stift», tiu larĝe konstruita, peza registara domo, kiu regas la sudan flankon de la katedrala placo. Ĝi estas verko de la arkitekto Albrecht Stürler el la jaroj 1744—1748. La iama registara aŭtoritato, kiu sciis gardi tiel noblan stilon kiel ankaŭ severecon, enkorpiĝas ĉi tie per simpla, sed aristokrata digno. La berna maniero konstrui en siaj ĉefaj trajtoj restis fidela al la barokaj formoj kaj kulturis en ili tiun sinjorecan simetrion, tiun superan trankvilon, kiuj, kvankam tute simplaj, tamen pruvas noblecon. En tio speguliĝas la patreca reĝimo, kaj samtempe berna komfortemo, ĉar ĉio estas larĝa kaj vasta, oportuna kaj riĉeta. Ĉio pruvas riĉecon kaj potencon, kiuj volonte rezignas ĉian lukson, ĉar ĝi kontraŭas al la hejma tipo, sed tamen posedas netrompeblan senton por nobla simetrio. Oni eĉ povus diri: tiaj domoj volas aspekti malpli, ol ili efektive estas.



La Käfigturo (13a Jarcento) kaj la Anna Seiler-fonto (16a Jarcento), tiu lasta memore al donaculino de la unua hospitalo en Bern

Multe da barokaj konstraĵoj, jen pli simplaj, jen ankaŭ pli riĉaj, estus citindaj. Inter ili unuavice la kreaĵoj de l'arkitekto Niklaus Sprüngli: la iama Hotel de Musique — hodiaŭ Café du Théâtre la epoko de la plej pura stilo Louis XV, tre nobla, tre france inspirita, kun timpanoj kaj plena je bela plastika ornamo. Plie la iama Corps de Garde, unuetaĝa domo kun riĉa trofea ornamo ĉe la tegmento, militista, sin montranta preskaŭ ceremonie. Pli supre en la urbo la orfejo, kiu pruvas pri la amplekse aranĝita prizorgo en la malnova Bern; la potenca, masiva grenejo (Kornhaus), la distinge bela preĝejo de Sankta Spirito, kaj kiel lasta atestanto, jam meze inter modernaj domoj, la granda, kastelsimile konstruita Burĝa Hospitalo kun du vastaj ĝardeno-kortoj. Jam la stacidomo ŝovis sin inter ĉi tiujn domegojn kaj la urbon — kaj oni baldaŭ vidos, kio estas pli forta: la manĝegemo de la moderna trafika vivo, aŭ la respektemo por la posedo de antikvaj riĉaĵoj, kiuj sole garantias la unikan karakteron de la urbo Bern.

Bern estis urbo kun kelkaj miloj da loĝantoj, kiam en 1421 estis metita la fundamenta ŝtono por la katedralo, kiu hodiaŭ prezentas sin ĉefverko de la svisa malfrua gotiko. Kiel potenca estis la penso, kiel granda la ofero, per kiu la malgranda burĝaro sin ŝarĝis per tiu projekto. En la momento, kiam la fundamenta ŝtono estis metita, la berna burĝaro eksciis, ke ĝi dum multaj generacioj devus oferi ĉiun disponeblan monon je la honoro kaj la prospero de la nova katedralo, kaj ke ĝojo kaj fruktuzo de la nova konstruaĵo estos rezervitaj nur al multe pli postaj generacioj. — Kiel unuan arkitekton la urbo alvokis Mathäus Ensinger el Ulm, la ido de tre fama konstruestra familio, kiu dum plena jarcento okupis unuarangan pozicion en la germana arto konstrui preĝejojn. La nomo de tiu familio estas ligita kun la belegaj katedraloj en Ulm, Strassburg kaj Esslingen. — Sur la loko, kie hodiaŭ staras la katedralo, jam en la 13-a jarcento troviĝis malnova preĝejo; ĉirkaŭ tiu ĉi oni konstruis la multe pli vastan katedralon. Post pli ol unu jarcento ĉiuj partoj de l'nova preĝejo fine havis siajn volbojn. Iom post iom ankaŭ pli riĉaj ornamaĵoj, gracie kaj komplike formitaj ornamentoj al ĉi tiuj pli malfruaj partoj havigis la facon. La konstruestroj ŝanĝiĝis — Stefan Hurder, Niklaus Birenvogt, Erhard Küng troviĝis inter la plej famaj nomoj. La laste nomita kreis specialan ornamon: la riĉan plastikon de la ĉefpordego kun la figuraĵo de la lasta juĝo. Nur je la fino de la 16-a jarcento la meza navo estis finkonstruita kaj la turo preta ĝis la unua galerio. Kaj ankoraŭ tri jarcentojn poste — por multaj bernanoj de la maljuna generacio tio estas bela memoro el la junaĝo — en la jaro 1893 la kasko de l'turo estis konstruita ĝis la nuna alteco, kiu per la finialo atingas la altecon de 100 metroj super la fundamento.

Estas testamenta donaco de laboro kaj persistemo, kiun la antaŭuloj per la katedralo postlasis al la nunaj bernanoj. Ĉar la korodiĝo efikas ĉie ĉirkaŭ la konstruaĵo, kaj ĉiam denove oni devas konstati, ke la klareco kaj la akreco de la formoj perdiĝas, kiel la ŝtonaj ornamaĵoj kaj floroj, la vizaĝaĉoj de la gargojloj kaj la portretkapoj de la arkitektoj, kiuj ĉe la katedralo eternigis sin, iom post iom dispeciĝas. Ili kovras sin per verdeta tavolo aŭ eĉ per musko aŭ likeno, fine ili aspektas kiel senkultura arbaro, en kiu putras kaj trokreskas. — Per la imitado de la naturo, de ĝiaj folioj, trunkoj kaj floroj, la gotikaj majstroj iam kreis siajn ornamaĵojn. Ĉu ne ŝajnas, kvazaŭ ili nun volas reiri en stan primitivan staton kaj al la barbaraj formaĉoj de la fiherbo kaj herbaĉo? Oni do preskaŭ konstante vidas trabaĵon ĉe la katedralo, kaj la martelado de ŝtonĉizistoj aŭdiĝas kiel en la tempoj de Ensinger kaj Küng. Peco post peco de la grejsaj apogfostoj, de la fialoj kaj fenestraj kradoj estas renovigitaj. — La katedralo malkreskas kaj denove kreskas, ĝi formortas kaj denove reviviĝas — ĝi estas viva kreaĵo de la urbo, sed kun multe pli trankvila, al la eterneco pli proksima ritmo de la ekzistado, ol ĝin posedas la homo. Dum la milito multaj okuloj time rigardis la turon. Ĉu ne multe da parencaj turoj devis fordoni kaskon kaj poligalon kaj fariĝis ruino? La berna Katedralo estas centra koro de la amo kaj adorado de la loĝantoj, al kiuj la koro estus ŝirita el la korpo, se ili perdus sian katedralon.

W. Adrian.

# Tria informilo

**Adreso por leteroj:** *32-a Universala Kongreso de Esperanto, Bundesgasse 20, Bern, Svislando.*

**Al informpetoj** *bonvolu aldoni internacian respond-kuponon.*

**Glumarkoj,** *bona propagandilo, 20 pecoj kostas sv. fr. 0,30 au 1 internacian respondkuponon.*

**Blindula kaso,** *helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.*

**Donacoj** *helpas sukcesigi la kongreson, la LKK antaŭdankas al donacantoj. Ni kore dankas tiujn, kiuj jam sendis donacojn al ambaŭ kasoj.*

**Kiam vi venos al Bern?** *Ni petas vin, tuj sciigu al ni kiam vi venos al Bern, la tagon kaj je kioma horo. Sendu poŝtkarton kaj menciu samtempe, ĉu vi mendis loĝejon en hotelo, ĉambro ĉe privatulo aŭ amas-restejo, ĉar LKK alvokos aron da knaboj por konduki la kongresanojn al la loĝejoj. Precipe tio estos tre grava por tiuj, kiuj loĝos en ĉambroj ĉe privatuloj. Tre necese estas por ni scii ankaŭ kiam vi forveturos.*

*Por tiuj kiuj venos en iu karavano sufiĉas la informo de la karavanestro, kiu devos sciigi al ni ankaŭ la nombron, precipe kiom estas en aranĝo B (ĉambro ĉe privatulo). Do, ĉiu kiu mendis la aranĝon B devas tuj atentigi sian karavanestron pri tio.*

**Nutrado.** *Pro la plenplena Bern – kiel la aliaj svisaj fremdulcentroj – dum la kongrestempo ni estis devigataj fiksi certan restoracion por ĉiu kongresano kiu mendis aranĝon B. En tiu restoracio li devos maten-, tag- kaj vespermanĝi dum la tuta kongreso. Por ekskursoj kiuj daŭros dum la tuta tago kaj por ekskurso al Niesen ĉiu ricevos lunĉpaketon. Mendu ĝin la vesperon antaŭe.*

*La loĝontoj en amas-restejo C – I manĝos en la oficirkantino, kaj la aliaj C – II manĝos en la soldatkantino. Oni ricevos bonan kaj sufiĉan manĝajon.*

**Restejo.** *Liberaj hotelĉambroj ne plu estas haveblaj en Bern, escepte aranĝo A–I. Ĉe privatuloj estas ankoraŭ kelkaj. Sed en la amas-restejo ni havas ankoraŭ sufiĉe da loko. En tiu loĝejo troviĝas puraj kazernĉambroj kun bonaj soldatlitoj, litaĵo kaj lankovriloj k. c. La sinjorinoj povos lavi sin en la ĉambro. Por la sinjoroj estas aparta komuna lavejo. Entute tiu loĝejo estas bona. Ni nur devas loĝigi la virojn kaj virinojn en apartaj ĉambroj.*

*Ĉar la soldatoj revenos dimanĉe, la loĝontoj en la kazerno devos forlasi ĝin sabate, la 2-an de Aŭgusto, je la 8.00 horo (matene) kun ĉiuj aĵoj. Se vi devos resti pli longe en Bern, sciigu nin tuj kaj ni provos aranĝi iun ĉambron por la plua (j) nokto (j), sed estos krompago laŭ la aranĝo. Se vi nepre volas loĝi en hotelĉambro, ni havas ankoraŭ bonajn hotelĉambrojn ekster Bern. (Vidu la artikolon en la lasta numero.)*

**Tendumantoj.** *Se vi jam ne anoncis, ke vi intencas tendumi en Bern dum la kongreso, ni petas vin sendi poŝkarton. La tendarejo estas en Eichholz/Wabern, laŭlonge de la rivero Aare. La LKK disponas pri kelkaj tendoj, kiujn la kongresanoj povas lui por 1 franko por ĉiu nokto. Interesuloj bonvolu tuj sciigi tion.*

**Presaĵoj** *disdonotaj en la kongresejo aŭ en kongresaj kunvenoj devas esti aprobitaj de LKK.*

**Dokumentaro.** *En la dokumentaro vi ricevos: Kongreslibro, kongresinsigno, kuponaro por loĝejo kaj manĝado, kaj fakturo k. c. Ricevinte la dokumentaron vi iros al la kasisto kaj pagos eventualan ŝuldon. Se vi sendis al ni tro multe da mono, vi povos rericevi la sumon ĉe la kasisto. Vi ricevos la dokumentaron en la kongresa oficejo, kiu estos vendrede kaj sabate en la ĉefstacidomo kaj poste en la Kazino (Kongresejo). (Vidu la programon.)*

**Kion vi povos kunporti.** *Kiam vi venos al Svislando, vi povos kunporti kun vi sen pagi doganon inter alie: 10 cigaredojn kaj 100 gramojn da ĉokolado.*



Skulpturo de la ĉefa pordego de la Berne katedralo: Parabolo de la kleraj malsaĝaj virgulinoj

*Kiam vi forlasos Svislandon, vi povos kunporti 2 kilogramojn da iuj nutraĵoj, sed ne pli ol 500 gr de unu speco kaj ne pli ol 100 gr da ĉokolado. Vi povos kunporti 2 botelojn da vino, aŭ alian trinkaĵon, krome 1 kilogramon da tabakaĵoj.*

*La eksporto de novaj vestaĵoj kaj ŝuoj bezonas specialan permeson, sed vi facile povos ricevi permeson por 2 kilogramoj da teksaĵoj kaj unu paro da ŝuoj ĉe la «federacia oficejo por importo kaj eksporto», Mühlemattstrasse 53, Bern.*

**Informoj dum la kongreso.** *En la kongreseja halo, dekstre ĉe la enirejo estas la kongresa oficejo. Informoj pri ĉiuj ekskursoj estos donataj en la halo en la oficejo por ekskursoj.*

**Mono:** *Ni rekomendas al vi ne kunporti vian landmonon, ĉar vi ricevos tre malbonan ŝanĝkurzon tie ĉi. Plej bone estas kunporti ĉekojn.*

**Monŝanĝejo.** *Vendrede kaj sabate ĝi troviĝas en la stacidoma atendejo. Ek de dimanĉo en la kongreseja halo.*

**La svisa mono.** *1 franko (Franken) = 100 centimoj (Rappen).*
*Nikelaj moneroj de 5, 10 kaj 20 centimoj.*
*Arĝentaj moneroj de ½, 1, 2 kaj 5 frankoj.*
*Bankbiletoj de 20, 50, 100, 500 kaj 1000 frankoj.*

**Trinkmono.** *En Svislando la trinkmono ne estas entenata en la prezoj, escepte niaj restadaranĝoj. Regule estas 10 %. Rimarku ke la trinkmono estas la nura salajro de la gekelneroj.*

**Poŝto.** *Ek de dimanĉo troviĝos aŭtomobila poŝtoficejo antaŭ Kazino, ĉe la ĉefeniro. Speciala stampilo. Malfermita dimanĉo: 9.00–12.00. Aliaj tagoj: 9.00–18.00. Sabato, la 2-a de Aŭgusto 9.00–12.00.*

**Liverado de leteroj.** *Leteroj adresitaj al kongresanoj povas esti ricevataj ĉe la aŭtomobila poŝtoficejo. Aldonu vian kongresan numeron al la adreso.*



Komika fonto de la sakfluta-muzikanto. Kiel preskaŭ ĉiuj aliaj fontoj de la urbo vertikaj de Johano Gieng. (Meze de la 16a jarcento)

## Kion ĉiu devas scii....

**Urbplano** *troviĝos en la dokumentaro.*

**Veturiloj:** *Ĉiuj hoteloj estas tiel proksimaj de la stacidomo kaj kongresejo ke veturiloj apenaŭ estas necesaj.*

**Tramo:** *Veturprezo: plej mallonga distanco 25 ct., pli longaj distancoj 35 aŭ 45 ct. Por veturi al la kazerno elektu n-ron 4, stacio „Breitenrainplatz". (25 ct.)*

**Aŭtobuso:** *Ili kondukas al la eksteraj kvartaloj, veturprezoj 25–45 ct.*

**Taksametroj:** *Postenoj ĉe stacidomo kaj Kazino.*

## Proponoj por liberaj horoj

**Bano.** *En la mezo de Bern troviĝas liberaera banejo ĉe Aare. Ĝi havas 3 partojn: por sinjoroj, por sinjorinoj kaj por familio. Eniro senpaga. Oni povas lui ĉambreton por la vestoj, kostas 30 ct. por ĉiu horo. Vi malsupreniras ĉe Bundeshaus.*

*Apud Tierpark (bestoparko) troviĝas artefarita liberaera banejo kun artefaritaj ondoj. Enirprezo: fr. 1.00. Alveturo: per aŭtobuso „T" kiu ekveturas de vendejo Loeb (proksime la stacidomo). Preterpasas la Kongresejon. Veturprezo 35 ct.*

*En ambaŭ banejoj oni devas porti banveston (banpantalonon). En la lastmenciita kun la nomo „Ka We De" oni povas lui banveston.*

**Superrigardo.** *Vi povas ĉiutage grimpi supren en la turo de la katedralo „Münster". Enirprezo 20 ct.*

**Gurten.** *Apud Bern vi vidas la monteton Gurten. Vi povas veturi tien al la supraĵo per ŝnurfervojo. Vi eniras la tramon n-ro 9 sur Bubenberg Platz (ĉe la Stacidomo) kaj ŝanĝas en Wabern al la ŝnurtramo. La bileto kostas ekde iu tramstacio ĝis la montopinto kaj reen fr. 1.80.*

## Ekskursoj dum la kongreso

*Multaj mendoj jam alvenis. Por ebligi al tiuj kongresanoj, kiuj pro devizaj malfacilaĵoj ne pli frue povis sendi la monon, partopreni en la ekskursoj, ni akceptos mendojn dum la kongreso, sed plej malfrue 24 horoj antaŭ la ekveturo.*

*Eble ni ne aranĝos ekskursojn dum tri tagoj al Jungfraujoch, sed kun ĉiuj mendintoj kune merkrede la 30-an de Julio. Ni petas tiujn, kiuj mendis la ekskursojn ĵaŭde kaj vendrede sciigi nin, ĉu ili konsentos.*

## Postkongresaj vojaĝoj

*Pro la granda turist-trafiko ĉisomere ni ne plu povas akcepti mendojn por la postkongresaj vojaĝoj. La anoncitaj ekskursoj en la lasta numero okazos, sed nur kun tiuj kiuj jam anoncis sin. Por tiuj estas la necesaj hotelĉambroj rezervitaj.*

*Tamen ni povas proponi novan aranĝon n-ro 12, kun restado en la du konataj centroj de Graubünden (Grizono) Arosa kaj Davos. Por tiu ni akceptos mendon ĝis plu.*

*Ekveturo: Ĉefstacidomo, sabato, la 2-an de Aŭgusto je la 8,27.*

*La veturado de tiu vojaĝo kondukos de Bern tra Zürich al Chur kaj al la mondfama kuracloko Arosa. Tie okazos ekskursoj. La daŭrigo de la vojaĝo kondukos tra la kastelriĉa Domleschgvalo kaj la Schyn-abismo al Davos. Survoje oni vizitos la faman Viamalaabismon. En Davos oni aranĝos denove ekskursojn al Parsenn kaj laŭ deziro ankaŭ al la svisa naciaparko. De Davos la vojaĝo denove kondukos tra Chur al Zürich, kie oni povos forlasi Svislandon tra Basel. Kompreneble oni povos ankaŭ reveturi al Bern.*

*La prezo de tiu vojaĝo estas sv. fr. 255.—.*

## Postkongreso en Zürich

En **Zürich**, la metropolo de la svisa komerca, trafika kaj kultura vivo ekzistas Esperanto Societo, kiu invitas la kongresanojn al la sekvanta aranĝo:

**Sabato, la 2-a de Aŭgusto 1947:**
15.21 forveturo el Bern.
17.00 alveno al Zürich (ĉefstacio).
Akcepto de la kongresanoj en la atendejo 2-a klaso. Akompano al la hoteloj. Je la 20.00 h interkonatiĝa vespero en la „Kongresshaus".

**Dimanĉo, la 3-a de Aŭgusto:**
matene: vizito de la urbo,
posttagmeze: ŝipekskurso sur la lago,
vespere: amika kunveno.

**Lundo, la 4-a de Aŭgusto:**
Tuttaga ekskurso kun fervojo kaj ŝipo al la lago de Zug–Arth–Goldau–Rigi–Vitznau–kvarkantona lago–Luzern–kaj reveturo al Zürich. De la famkonata monto Rigi (1800 m) vi vidos belegan panoramon de la alpoj ĝis la Rejno.

Je nefavora vetero ni aranĝos vizitojn de muzeoj, universitato, plej moderna poŝtoficejo de Eŭropo, artgalerio k. t. p. kaj ni redonos la monon por la ekskursoj.

La prezo por la vojaĝo al Zürich, bona hotelo (3 tranoktoj + matenmanĝoj) kaj por la ekskursoj de 80 svis. fr. vi pagos al nia poŝtĉekkonto VIII 17287 en Zürich aŭ al Universala Kongreso de Esperanto en Bern.

Pagu kaj anoncu vin antaŭ la fino de Junio, por ke ni rezervu hotelĉambron por vi. Adreso: Esperanto-Societo Zürich, Kirchgasse 14, Zürich, Svislando.

## Internacia polica ligo

### Fakkunveno dum la 32a Universala Kongreso de Esperanto en Bern (Svislando)

Dum la, venonta Universala Kongreso de Esperanto la 31-an de julio kaj 1-a de aŭgusto 1947, okazos fakkunveno de la policanoj esperantistaj, kies celo estas restarigi Internacian Polican Ligon. Tiu organizo devas ĉiulande prepari terenon por efika internacia kunlaboro kaj esti helpanto de la oficiala Internacia Kriminalpolickomisiono.

*Raportanto:* Sro. Schwartz, Commissaire Principal, Strasbourg-Meinau (Francujo), 10 rue Engelhardt. Policanoj esperantistaj bonvolu sendi al li informojn pri la fakmovado kaj utilajn sugestojn pri praktika uzado en policaj rondoj. *Informoj pri la kongreso kaj restado en Bern:* Sro. H. Arnet, policleŭtenanto en Bern (Svislando) Urbdomo.

## Geinstruistoj en ĉiuj landoj, unuiĝu

La rubriko de tiu ĉi artikolo estas admono al ĉiuspecaj geinstruistoj kunagi, por ke nia forto tiel kresku, ke ni baldaŭ povos enkonduki Esperanton en la lernejon. Mi ne bezonas substreki la gravecon kaj valoron de tiu intenco. Mi ne hezitas diri, ke la venko de Esperanto plejaltgrade dependas de niaj ebloj konkeri la lernantojn de la landoj.

Provizore estas fondita Internacia Instruista Kunlaborado, kiu celas al kolekto de la geinstruistoj, por ke nia komuna forto aktualigu la bezonon de internacia helplingvo, nacie kaj internacie.

Unuafoje post la milito la geinstruistoj esperantistaj havos okazon kunveni en Bern por diskuti la pedagogian flankon de nia movado kaj eltrovi la plej taŭgajn vojojn al valoraj rezultatoj. Mi scias, ke multaj geinstruistoj veturos al Bern, kaj mi esperas, ke ni tie dum anoncita faka kunveno renkontu unu la alian.

Mi invitas vin ĉiujn. Kunportu ne nur vian intereson, viajn bonajn volojn kaj dezirojn, vian entuziasmon kaj aliajn idealajn elementojn sed unuavice praktikajn planojn, proponojn kaj projektojn, kiuj povos doni al nia kunveno la realan elirpunkton, kiu garantias bonajn estontajn rezultatojn.

Se vi deziras informojn aŭ volas doni konsilojn, bonvolu skribi al Einar Dahl. *Uddevalla*, Svedujo, kaj mi provos kontentigi vin.

**Aliĝoj.** Ĝis la 25 – 6 – 1947 aliĝis 1210 personoj el 31 landoj.



La katedralo de Bern, unu el la plej belaj gotikaj preĝejoj en Svislando; la unua ŝtono estis starigita en 1421. La bela promenejo nomiĝas „Plattform“.

## 3a listo de kongresanoj

741. H. Herrmann, Lausanne, Svislando.
742. V. Musella, Roma, Italujo.
743. S-ino A. Musella, Roma, Italujo.
744. S-ino E. Zisman, Trojan, Bulgarujo.
745. Rezervita.
746. F-ino M. Svensson, Ystad, Svedujo.
747. N. J. B. Jönsson, Malmö, Svedujo.
748. S-ino E. A. G.-B. Jönsson, Malmö, Svedujo.
749. H. Christoffersson, Malmö, Svedujo.
750. S-ino A. Christoffersson, Malmö, Svedujo.
751. F-ino A. Andersson, Malmö, Svedujo.
752. F-ino J. H. Blomqvist, Örebro, Svedujo.
753. F-ino A. K. Hedlund, Anäset, Svedujo.
754. F-ino K. E. J. Karlsson, Örebro, Svedujo.
755. V. Karlsson, Lenhovda, Svedujo.
756. W. Dahlén, Spanga, Svedujo.
757. F-ino V. Hanson, Stockholm, Svedujo.
758. S. A. Rydén, Lenhovda, Svedujo.
759. F-ino A. U. E. Olsson, Göteborg, Svedujo.
760. S. W. Ahlm, Stockholm, Svedujo.
761. F-ino B. Holgers, Stockholm, Svedujo.
762. Jan Strönne, Malmö, Svedujo.
763. T. Sekelj, Buenos Aires, Argentino.
764. L. Jönsson, Malmö, Svedujo.
765. F-ino M. Larsson, Stockholm, Svedujo.
766. F-ino D. V. M. Lindroth, Norrköping, Svedujo.
767. F-ino M. Andersson, Malmö, Svedujo.
768. A. R. Tancredi, Genova, Italujo.
769. F-ino J. Tancredi, Genova, Italujo.
770. L. O Cuirc, Béal Atha an Fheadha, Irlando.
771. E. H. Kersley, Plymouth, Britujo.
772. S-ino D. I. Kersley, Plymouth, Britujo.
773. F-ino E. W. Tegg, Ruislip, Britujo.
774. F-ino I. Forber, St. Helens, Britujo.
775. F-ino M. Downs, Wigan, Britujo.
776. S-ino W. M. Rixham, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
777. F-ino C. Stephenson, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
778. K. W. Hickson, Swanage, Britujo.
779. A. T. L. Hickson, Swanage, Britujo.
780. S-ino V. Hickson, Swanage, Britujo.
781. T. G. L. Hickson, Swanage, Britujo.
782. H. Holden, Blackburn, Britujo.
783. N. K. Crabtree, Heckmondwike, Britujo.
784. F-ino A. Bolton, Nelson, Britujo.
785. S. W. Brown, London, Britujo.
786. R. A. M. Kearney, London, Anglujo.
787. E. W. Moberly, Chipstead, Britujo.
788. G. Orton, Durham City, Britujo.
789. S-ino J. H. Thomas, Pretoria, Sud-Afriko.
790. H. Thomas, Pretoria, Sud-Afriko.
791. F-ino J. P. Davie, Prestwick, Britujo.
792. F-ino L. C. Davie, Prestwick, Britujo.
793. Atherton, Manchester, Britujo.
794. F. F. Betts, Southend-on-Sea, Britujo.
795. A. Vila Maynon, Buenos Aires, Argentino.
796. F-ino G. Weigelt, Bern, Svislando.
797. F-ino I. Lövgren, Norrköping, Svedujo.
798. F-ino Eva Tibbling, Norrköping, Svedujo.
799. F-ino R. Gullberg, Grycksbo, Svedujo.
800. Sven E-son Sten, Uppsala, Svedujc.
801. E. Eriksson, Uppsala, Svedujo.
802. F-ino I. Lindén, Grycksbo, Svedujo.
803. F-ino K. Jönsén, Grycksbo, Svedujo.
804. G. R. Dismark, Fritsla, Svedujo.
805. F-ino M. V. Dismark, Fritsla, Svedujo.
806. A. H. Fridén, Falköping, Svedujo.
807. G.-A. F. Loman, Örebro, Svedujo.
808. H. K. Nilsson, Sandared, Svedujo.
809. J. J. Triebenbarker, London, Britujo.
810. F-ino J. Rogerson, Wellington, Nov-Zelando.
811. F-ino E. Simpson, Wellington, Nov-Zelando.
812. J. Schmid, Bern, Svislando.
813. M. J. Sturm, Bern, Svislando.
814. A. Lovati, Milano, Italujo.
815. D-ro G. Crippa, Milano, Italujo.
816. M. F. W. Schreck, Bern, Svislando.
817. A. Andersson, Uddevalla, Svedujo.
818. F-ino W. Andersson, Uddevalla, Svedujo.
819. F-ino M. Kofoed, Uddevalla, Svedujo.
820. F-ino L. Matsson, Uddevalla, Svedujo.
821. F-ino A.-G. Winberg, Uddevalla, Svedujo.
822. K. A. Larsson, Tuna-Hästberg, Svedujo.
823. E. Lundvall, Tuna-Hästberg, Svedujo.
824. T. E. Johansson, Sköldinge, Svedujo.
825. A. Ericson, Sköldinge, Svedujo.
826. C. Larsson, Sala, Svedujo.
827. S. Leuenberg, Basel, Svislando.
828. H. S. Schroeppel, Galesburg, Usono.
829. S-ino H. S. Schroeppel, Galesburg, Usono.
830. A. K. Azevedo Costa, Belo Horizonte, Brazilo.
831. A. Lan do Carmo, Petròpolis, Brazilo.
832. Rezervita de Brazila Ligo Esperantista, Rio de Janeiro, Brazilo.
833. Rezervita de Brazila Spiritisma Federacio, Rio de Janeiro, Brazilo.
834. V. Echtner, Praha, Cehoslovakujo.
835. S-ino M. Dahl, Uddevalla, Svedujo.
836. Pastro J. De Maeyer, Nivelles, Belgujo.
837. D-ro Enrico Celio, registarano, Bern, Svislando.
838. Pastro E. Waldvogel, Estavayer-le-Lac, Svislando.
839. F. Epstein, Hamburg, Germanujo.
840. S-ino A.-L. Spook-Gullholmer, Askersund, Svedujo.
841. F-ino M. Milde, Sundsvall, Svedujo.
842. F-ino E. Jansson, Sundsvall, Svedujo.
843. S-ino D. Cardy, London, Britujo.
844. F-ino C. D. Cardy, London, Britujo.
845. S-ino A. Sutcliffe, Ashton-u-Lyne, Britujo.
846. F-ino J. A. Cox, Burton-on-Trent, Britujo.
847. T. W. Bailey, London, Britujo.
848. F-ino A. Horner, Clitheroe, Britujo.
849. J. W. Blair, Paisley, Britujo.
850. C. E. Wallington, Wellington, Britujo.
851. W. Hollister, Rishton, Britujo.
852. F-ino K. L. Fitton, Huddersfield, Britujo.

